



# Kongresa
## BUDAPEŜTA INFORMILO

68-a UK · BUDAPEŜTO · KONGRESA ELDONO

I-a N-ro 1983 - 07/30


# NOVAJ PAŜOJ AL ESTONTO

**La 27-an de julio 1983 okazis renkontiĝo de reprezentantoj de UEA, d-ro Renato CORSETTI, vicprezidanto kaj d-ro Humphrey TONKIN, estrarano pri eksteraj rilatoj kun s-ro Romesh CHANDRA, prezidanto de la Mondpaca Konsilio, kiu nuntempe ferias en Hungarujo.**
**La renkontiĝo, kiu estis aranĝita laŭ invito de s-ro Chandra, estis okazo por reciproka informiĝo kaj por interŝanĝo de opinioj pri eventuala kunlaboro, interalie en kunligo kun la Internacia Jaro pri Paco 1986 kaj en la agado ĉe Unuiĝintaj Nacioj.**
**S-ro Chandra esprimis sian favoran opinion pri la Internacia Lingvo Esperanto kaj ĝia kontribuo al kompreniĝo inter la homoj. Li emfazis la gravecon de komuna lingvo: „Necesas komuna dialogo por solvi mondajn problemojn prefere ol milito".**

# GAZETARA KONFERENCO

En la salono Wüster de la Budapeŝta Sporthalo je la 29-an de julio antaŭtagmeze okazis la gazetara konferenco kun la partopreno de ĉ. 30 enlandaj kaj ĵurnalistoj. Jenő NÉMETH, prezidanto de la Registara Oficejo de la Gazetara Informado salutis la ĉeestantojn, poste, sekvante la antaŭparolon de s-ro Endre BARÁTH, prezidanto de la Loka Kongresa Komitato, d-ro Vilmos BENCZIK, sekretario de LKK kompletigis la disdonitan programon de la 68a UK, petinte apartan pergazetaran helpon por inviti la budapeŝtan loĝantaron – prefere ne-esperantistajn – al la renkontiĝo en Urba Parko, dimanĉe posttagmeze kaj al la lundvespera internacia koruskoncerto.

D-ro Renato CORSETTI, vicprezidanto de UEA parolis pri la lingvaj problemoj de la internaciaj rilatoj, emfazinte, ke ĉi tiu kongreso deziras ankaŭ aldoni sian helpon por la solvo de ĉi tiuj gravaj problemoj.

D-ro Humphrey TONKIN, estrarano de UEA klarigis kaj sumis la idean fonon de la Internacia Lingvo Esperanto kaj ties movadon, t.e. la klopodon por la lingva egaleco. Reale kaj sincere li vicigis la obstaklojn – politikajn, organizajn, psikajn kaj kulturajn – kiuj malhelpas la disvolviĝon de la bonega afero de la internacia lingvo. „Bonvolu partopreni kiel eble plej multoj el la kongresaj aranĝoj por konvinkiĝi pri la praktika demonstrado de Esperanto kiel vivanta, funkcianta lingvo".

Erzsébet JENŐVÁRI

# PRI LA KONFERENCO DE KELI

Ĉi-jare por la 35a Konferenco de KELI en la urbo ESZTERGOM kolektiĝis kristanoj el diversaj landoj de Eŭropo. El la 123 partoprenintoj 37 estis hungaroj, signifaj grupoj alvenis el Nederlando, Svedujo, Pollando, cetere venis ankaŭ svislandanoj, francoj, germanoj, ĉeĥoj, aŭstrianoj. Ĉeestis la inaŭguron d-ro Tibor BARTHA, kalvinana episkopo, prezidanto de la Ekumena Konsilio de la Hungarlandaj Eklezioj, Alta Protektanto de la Konferenco de KELI, Zoltán ARANYOS konsilisto de la Sindono de la Hungara Reformita Eklezio, d-ro Imre PETHES, vicprezidanto de HEA kaj LKK de la 68a UK, prezidanto de MEM.

Je la spirito de la ekumenismo renkontiĝis anoj de diversaj kristanaj religioj, por pritrakti la gravajn problemojn de la nuntempa mondo kaj por komune serĉi la eblecojn de la kunlaborado.

En la antaŭtagmezoj per komuna kantado akordiĝis la ĉeestantaro al la teoriaj prelegoj, poste en malgrandaj grupoj estis diskutataj la aŭditaĵoj. Dimanĉe antaŭtagmeze oni malfermis ekspozicion pri lignaj artaĵoj kompilaĵoj de d-ro Ferenc JAKI. Posttagmeze ni busvojaĝis al vilaĝo Dunaalmás, kie ni vizitis instituton de kalvinanoj, kie oni prizorgas 80 mense handikapitajn infanojn kaj gejunulojn. La estro de la instituto skizis la oferdonan laboron de siaj kunlaborantoj. Ni ekskursis poste al la fortikaĵo de Tata. Diligente kraketis la fotoaparatoj meze de la mezepokaj muroj. Donis agrablan variecon al nia promenado la arboreto de Agostyán.

La 26-an de julio renkontis la partoprenantojn de KELI László BAI, ĉefsekretario de la Ŝtata Eklezia Oficejo kaj István SÁNDOR, membro de la afergvida prezidantaro de la Hungara Packonsilio, kaj d-ro Zoltán ARANYOS. Post informado ili donis respondojn al la ricevitaj demandoj.

Ni organizis ludon „Kiu kion scias pri Hungario?". Nia celo estis – krom la amuzigo – atentigi niajn geamikojn pri la historiaj, geografiaj, artaj valoroj de nia lando.

Dank' al la komuna idea fundamento, al la amika etoso de la diversnacia partoprenantaro, kaj ne lastvice al la bona organizado, mi supozas: por ni ĉiuj restas riĉenhava, karmemora travivaĵo la ĉi-jara KELI-konferenco.

Orla AMBRUS

# La Hungarlanda historio de Esperanto

La unua pioniro estis lingvisto-profesoro (de Ural-Altajaj lingvoj) en universitato de Kolozsvár (nun Cluj-Napoca, R): Gábor BÁLINT ekpropagandis en 1887. La sekvan jaron lia studento eldonis la unuan hungarlingvan lernolibron, kaj la afero rapide ekprogresis tre la lando. La atakoj kaj gazetaj disputoj eĉ helpis veki la intereson: en pluraj urboj kreiĝis grupoj, kaj komence de la nova jarcento energie ekagis ankaŭ en Budapeŝto forta grupo – kio estis decida paŝo por la movada futuro.

Vizito de eksterlandaj esperantistoj, ekkono de alilandaj E-eldonaĵoj instigis tiun rondon de intelektuloj propagandi kaj organizi kvazaŭ movada centro. Ili redaktis novan lernolibron, influis ĵurnalistojn por popularigi la ideon. Baldaŭ estis fondita tutlanda E-Societo (1903), kiu eldonis jam gazeton „Hungara Esperanto". La titolo foje ŝanĝiĝis, ja ankaŭ en la tiea movado ne mankis personaj konfliktoj – sed fakte, ĝi daŭre aperis kiel centra movada gazeto ĝis 1915 (La Verda Standardo).

En urbeto SZEKSZÁRD okazis pli frue vivgrava evento por la la universala movado. Posedanto de eta presejo, Pál LENGYEL, transprenis la presadon de la krizon suferanta „LINGVO INTERNACIA" de E-klubo de Upsala. Tiel li savis la tiam solan interligilon de esperantistoj (1900). Provizore li ankaŭ redaktis ĝin, kaj 4 jarojn poste li tiucele migris kun sia presejo al Parizo, kie li daŭre eldonis la revuon.

La motoro de la kreskanta propagando estis Ágoston MARICH, kies eksterordinare vigla kaj multfaceta agado alportis fortan puŝon al la movado. La membraro rapide kreskis, same la abonantoj, la kursoj altiris pli kaj pli multajn. Tamen la tro grandstilaj manieroj de Marich kunhavis ankaŭ ne-realajn, eĉ strangajn trajtojn, kiuj eksplodigis ree konfliktojn inter la aktivuloj. La asocio (HES) sekve dispartiĝis, kelkajn jarojn poste ree unuiĝis eĉ multe pli firma. La prezidanto estis dum longa jardeko parlementano S. GIESSWEIN prelato, fama pacifisto kaj sindona esperantisto.

En 1912 la movado kapablis jam organizi landan E-kongreson kun 300 partoprenantoj. En jaroj de forta elano prezentis sin lernolibroj por publikigi lernolibrojn, vortarojn, kaj literaturajojn (diversajn pecojn de la eksterlande apenaŭ konataj hungaraj aŭtoroj). En gazetoj famaj verkistoj deklaris sian apogon al Esperanto, kiu fariĝis pli kaj pli konata en ĉiuj medioj, precipe ĉe intelektuloj, kaj aparte ĉe laboristoj. En ejoj de pluraj sindikatoj (presistoj, ŝuistoj, k.a.) laboristoj kreis rondojn kun bona sukceso. Laŭ modelo de alilandaj klasbatalaj E-societoj, tiuj rondoj fondis en 1913 HESL (Hungarlanda Esperantista Societo Laborista). La prezidanto iĝis internacie konata esperantisto, Izsó POLGÁR presisto, kies praktika lernolibro atingis 7 eldonojn. En Parizo tiel informis „Internacia Socia Revuo" pri Budapeŝtaj laboristoj: „Tuj post la fondo, la societo aranĝis 5 kursojn por 120 gelaboristoj..."

La du landaj societoj cetere brave kunlaboris kaj subtenis unu la alian. Instruantoj kaj funkciuloj estis laŭnecese interŝanĝataj, ĉar la movado ege bezonis ĉiujn fortojn. En HESL-grupo faris sian unuan kurson ankaŭ Julio BAGHY. Multaj aliaj eminentuloj de nia movado edukiĝis en HESL, kiu ĝuis la subtenon krom de la sindikatoj ankaŭ de la Socialdemokrata Partio, kaj post la milito ankaŭ de la Komunista Partio.

Ervin FENYVESI

(Daŭrigota)

### NI PROKSIMIĜAS AL REKORDO!

Ĝis la 25a de julio aliĝis 4722 kongresanoj. Per tio ni proksimiĝas al rekordo: la plej granda UK ĝis nun estis tiu en Nürnberg 1923, kun 4963 kongresanoj.

### EKSTERURBAJ KAJ EKSTERLANDAJ TELEFONVOKOJ

Por fari eksterurbajn aŭ eksterlandajn telefonvokojn, ni rekomendas ke vi iru al la telefonbudo apud salono *Emba*, kaj tie mendu la vokon.

### INTERVJUO KUN Dr. HASZPRA

Radio Kossuth dissendos dimanĉe tagmeze intervjuon kun Dr. HASZPRA pri la evoluo de la scienca aplikado de Esperanto. La rubriko „30 perc alatt a Föld körül; Nemzetközi Magazin (Dum duonhoro tra la mondo; Internacia magazino) komenciĝos je la 12.05.

### EKSPOZICIO de ESPERANTO-POŜTMARKOJ

En la Muzeo pri Trafiko (Közlekedési Múzeum, XIV, Városligeti körút 11) ĉiutage (escepte lundon) estas vizitebla poŝtmark-ekspozicio, de la 10-a ĝis la 18-a horo. Estas ekspoziciataj 600 folioj. La materialo estis elektita pri temoj de la trafiko, pacpropagando kaj pri la rolo de Esperanto en la laborista movado. Krom la Esperanto-poŝtmarkoj estas ekspoziciataj ankaŭ porokazaj stampoj de Universalaj Kongresoj, naciaj kaj ceteraj kongresoj. La Organiza Komitato kore atendas ĉiujn interesulojn.

De la kongresejo oni povas veturi al Muzeo pri Trafiko per trolebuso n-ro 75 al direkto Városliget. Ĉe la tria haltejo troviĝas la Muzeo.

### SES CIFEROJ - INFORMOJ PRI MIL AFERO

La ĉefurba turisma informejo uzos Esperanton dum la kongresa semajno, aldone al la hungara, angla, germana, franca kaj rusa lingvoj. Kaptu la okazon bone informiĝi pri la allogaĵoj de Budapeŝto!

Deĵorhoroj: labortage 7.00–21.00, sabate 7.00–20.00, dimanĉe 8.00–13.00. Stratadreso: Petőfi Sándor u. 17–19. Telefono: 179–800

### RABATITA TUTSEMAJNA BILETO

Kongresanoj rajtas aĉeti rabatitan tutsemajnan bileton, kiu validas dum la tuta semajno, por ĉiuj ĉefurbaj veturiloj. Ĝi kostas 77 forintojn. Serĉu la koncernan giĉeton en la kongresejo. Ĝi troviĝas en la koridoro de la 1-a etaĝo.

# KONGRESA KURIERO

## PROGRAMŜANĜOJ

DIMANĈO 31 JUL.
**16.00–18.00 IUEF**: La kunveno okazos ne en salono Baghy, sed en salono **Grabowski**.
**16.30–18.00 IKEL Jarkunveno** okazos ne en salono Emba, sed en salono **Baghy**.

LUNDO 01 AŬG.
**14.00–16.00 IFEF**: La kunveno okazos ne en salono Kalocsay, sed en salono **Baghy**.
**17.30–19.00 ILEF**: La kunveno okazos ne en salono Kabe, sed en salono Baghy.

MARDO 02 AŬG.
09.00–10.00 **IKU 4**: (prelego de Hauger) okazos ne en salono Kalocsay, sed en salono **Privat**.
16.00–10.00 **T. Sekelj: „Esperantistoj el nealiancitaj landoj"** (nova programero) okazos en salono **Baghy**.

---

## ŜANĜOJ EN LA PRELEGARO PRI KONGRESA TEMO

La 2-an de aŭgusto (marde): 14–17
L. LAANEST: Komunikado kaj virinoj
La 4-an de aŭgusto (ĵaŭde) 9–13
St. GUĜEV: Por lingva egaleco. La lingvaj konfliktoj kaj diskriminacioj en la internaciaj rilatoj
La 4-an de aŭgusto (ĵaŭde) 14–16)
G. MAERTENS: Lingvaj problemoj en instancoj kaj en la landoj de Eŭropa komunumo.
N. ZUBKOV Gazetaro kiel ilo de la komunikado.

---

## EKSKURSOJ – STATISTIKO

Ĝis la antaŭkongresa semajno estis menditaj:

Pli ol 6150 dumkongresaj ekskursoj
58 postkongresaj ekskursoj
40 antaŭkongresaj ekskursoj

Ĉiuj ekskursoj havos esperantistajn ĉiĉeronojn kvankam vizitoj al la Parlamentejo devas uzi ankaŭ la surlokan ĉiĉeronon provizitan de la Parlamentejo.

La nombro de la ekskursoj egalas al 132 % de la aliĝnombro. Por komparo, la ekvivalenta Antverpane cifero estis 108 %.

---

## ERARETO EN LA PLANO DE LA KONGRESEJO

En la plano de la 3-a etaĝo de la kongresejo troviĝas erareto: salonoj BÀRCZI, KORACH kaj SZATHMÀRI staras unu apud la alia. Sed fakte la apudaj ĉambroj estas nur KORACH kaj SZATHMÀRI. BÀRCZI siaflanke troveblas inter EMBA kaj KABE.

Sed eĉ pli ol tio gravas, ke la koridoro en la 3-a etaĝo ne estas rondirebla, por certigi la trankvilecon de la kunsidoj. Do bonvolu atente legi la surskribojn de la liftoj kaj tiujn de la ŝtuparejoj. *En la 3-a kaj 4-a etaĝoj*, kie estas la ĉefaj salonoj, *sagoj montras* la ĝustan vojon. *Se via serĉata prelegejo ne estas montrata de ili, vi devas reiri al la 1-a etaĝo* kaj reserĉi la ĝustan irejon. En tio multe helpas vin du skemoj „*Kien kiel en kongresejo*", troveblaj *inter la enirejo kaj la priservaj giĉetoj*

---

Dimanĉe posttagmeze inter la 15-a horoj 19-a horoj okazos la **RENKONTIĜO DE KONGRESANOJ KUN BUDAPEŜTANOJ**. La teatra programo komenciĝos je la 16-a. Tuj post la fino de la malfermo de la 68-a UK oni veturos al Városliget (Urba Parko).

ŜANĜIĜIS LA DATO DE LA 2-a KOOPERATIVA KONFERENCO! Ĝi okazos marde, 10.00, en Sidejo de Landa Konsilio de Kooperativoj. La resuma kunsido de tiu konferenco okazos vendrede, 14.00, en la Salono Kalocsay.

Kongresa numero de Budapeŝta Informilo. Redaktis: d-ro Árpád MÁTHÉ kaj Ingvar SCHOULTZ. Respondeca redaktoro: d-ro Vilmos BENCZIK. Respondeca eldonanto: Tibor VASKÓ. Készült a SZOT Nyomdájában. Eng.sz. HUTSZL/12/1980 Index 25159 HU ISSN 0133–0977

## *Tute ne gravas!*

Kiam oni mendas raporton pri la IJK de tre IJK-eca homo, kompreneble oni ricevas tute IJK-ecan raporton...

Hungario, iom oriente, Debrecen, 23a–30a de julio 1983... 39a IJK, temo „Informfluo en la nuntempa mondo"... Sed tute ne gravas!

Preskaŭ 700 partoprenantoj, eble el 25 landoj... Sed tute ne gravas! Kongresejo luksa: trinkejo, kunvenejoj, dancejo, ĉiaspecaj salonoj... ĉefsalono kun loko por nur tri kvaronoj de la kongresanaro... Sed tute ne gravas!

Buntega internacia vespero: kantoj novaj kaj malnovaj, skeĉoj pri la 40a IJK en Swanwick, (prizorgata de la reĝa familio!), pri la „IJoKo en FoRoGo, aahhh-ha!", pri la biciklista karavano, pri interpretistoj – pro la multaj peraplaŭdaj revokoj de artistoj entute kvinhora prezento... Sed tute ne gravas!

Nova estraro... Prezidanto Ian Jackson, vicprezidantoj Martin Haase kaj Zsófia Koródy, ĝensekretario Norberto Saletti, kasisto André Staes, kaj aldone Neven Kovačič, Jan Koszmaluk, Maŝa Vančurová... Sed tute ne gravas!

Gulaŝo, paprikoj, peklita kukumo, rekorde grasa viando... Sed tute ne gravas!

Ekskursoj al la stepo, ĉvfalraidado, irado per ĉaro, ĉatamorgano, paŝtista muzeo, naturparko... Sed tute ne gravas!

Komisionkunsidoj en orkestroprovludejoj, en subĉielaj teatrejoj kaj sur ŝtuparoj... Multaj, multaj longaj kunsidhoroj... Planado de agadegoj por la estonto... Sed tute ne gravas!

Prelegoj pri la ĉeftemo, debatoj tre (eĉ tro) viglaj, aliaj prelegoj, aliaj debatoj, kromaj diskutoj, aldonaj interkonsentoj, pliaj traktadoj... Sed tute ne gravas!

Naĝejo, varmakvaj basenoj, akvodanco... Sed tute ne gravas! Naĝeja sinprezento de TEJO kun skeĉoj kaj vigla demisiigo de la pasintaj estraranoj... Kavalirnomumo de estraranoj, kronigo de prezidanto, ties senvestigo kaj subakvigo... Sed tute ne gravas!

Ĉarma etoso, amuzo, gajeco, amikeco, karavano de krokodiloj... Sed tute ne gravas!

Kaj kiu kanto plej populariĝis en la 39a IJK? ... Eble vi jam divenis... *Sed tute ne gravas!*

Norberto SALETTI

---

La redaktejo de Kongresa Budapeŝta Informilo kaj ties rubriko Kongresa Kuriero troveblas en la tria etaĝo (ĉambro 318.). Por la raportista laboro volontuloj estas elkore atendataj.

## ĈU REKORDO ANKAŬ KULTURKAMPE?

Laŭ ĝisnunaj kalkuloj la 68a UK jam atingis kaj superis plurajn kongresajn rekordojn. Kvankam, se temas pri kulturo, la mezurilo estas ne kvanto, sed kvalito – ni rajtas diri, ke ankaŭ la abunda kultura oferto de UK prezentas en si mem rekordon: la kolorkovrila memstara broŝuro pri kultura programo proponas preskaŭ dudekon da kulturaj aranĝajoj!

Dum tajpado de tiuj linioj naskiĝis pli nova rekordo: la moviĝema hidrargo en termometroj superis 37 gradojn – kio ne okazis ekde 1936. Tio sugestas la demandon ŝercan: se UK estas aranĝebla en Sporta Halo, kial ne almenaŭ ĝiaj kulturaj programoj en iu naĝejo?

Feliĉe, Budapeŝto estas ankaŭ urbo de plaĝoj kaj banejoj, same tiu de friskaj vinkeloj kaj ombroriĉaj ĝardenaj bierejoj – tiel inter dumtagaj okupoj kaj vesperaj teatraj programoj ĉiu povas laŭplaĉe refreŝiĝi.

### Kulturaj aranĝoj – duloke

Pro la neeblo aranĝi ĉion samloke, kaj pro teknikaj kialoj la kulturaj programoj okazos en du lokoj. Ni komencu per kongresejaj programoj laŭ kalendara vicordo.

### Internacia Korusa Koncerto

Loko: Salono Zamenhof, tempo: lundo, 20-a horo.

Muzikantoj nepre partoprenu ĉi programon, kie klasikajn korusajn verkojn, same popolkantojn prezentos bulgaraj korusoj: „Rodna Pesen" kaj Sofia Esperanto Ĥoro, korusoj el polaj urboj Lódz kaj Bydgoszcz, kaj flanke de hungaroj: la ĥoro Acélhang (Ŝtalvoĉo).
La koncerto havos karakteron konkursan, la prezentitajn kantojn taksos kompetenta faka jurio.

### Internacia Arta Vespero

Loko: Salono Zamenhof, tempo: mardo, 21-a horo.

La Internacia Arta Vespero estas tradicia, eble plej karakteriza aranĝo de UK. La redaktorino: s-ino Éva Farkas-Tatár zorgis pri ĝia internacieco, kaj la nomo de kontribuontaj artistoj garantias la altan nivelon. Bulgarion reprezentos kantistino Maria Angelova kaj Veselin Damjanov: Usonon Alberta Casey; Francoise Chevrier el Francio fortepiane prezentos klasikajn verkojn, ni povos konatiĝi kun arto de Sovet-Armeniaj kaj Litoviaj trupoj.

### Amuza kvizo pri Hungario

Samideanoj, certe vi informiĝis iom pri Kongreslando jam antaŭ via ekvojaĝo, aŭ partoprenis jam la 51-an UK-on en Budapeŝto, aŭ havas hungaran korespondanton, aŭ regule vi legas la revuon Hungara vivo...
– Ne hezitu vin anonci al Amuza Kvizo, aranĝota sabate, la 30-an de julio, je 21-a horo en Salono Wüster! La kvizo tute ne similos lernejan ekzamenon, sed estos amuza ludo intelekta, kie oni povas perdi nenion, sed gajni iom da pli novaj informoj pri nia lando, ankaŭ valorajn donacojn de diversaj firmaoj, apogantaj finance kaj organize nian kongreson.

### Hungara Nacia Vespero

Ĝi okazos dimanĉe vespere je 20-a horo en Salono Zamenhof. En ĝia riĉa programo ni povos aŭskulti poemojn de Petőfi kaj Attila József, florkantojn, popolkantojn, operariojn; ĝui folkloran prezentadon de Popoldanca Ensemblo „BEM".

Al la vespero kontribuos famaj hungaraj geaktoroj kaj kantistoj (parte jam konataj por esperantista publiko), kiel Kati Berek, Anna Kiss, Kálmán Szabó kaj Gábor Németh. Pri muzika akompano per fortepiano zorgos D-ro Albert Madarassy, orkestestro de Hungara Ŝtata Operejo.

### Ĉu vi vidis jam...?

„Ĉu vi vidis jam piedsignon de l' Profeto?" estas titolo de teatraĵo prezentota en Salono Zamenhof, la 4-an de aŭgusto, ĵaŭde, je la 21-a horo. La dramo estis en la programo de Internacia Renkontiĝo de Esperantistaj Teatroj pasintjare, ankaŭ en programo de 67-a UK. Tamen, ĉu vi ankoraŭ ne vidis ĝin?

– Nun nepre spektu! (Tiu ĉi prezentado por ĉiu kongresano estas senpage vizitebla, alia teatra programo laŭplaĉe elektebla, ankaŭ.) La temo estas esence proksima al esperantistoj: temas pri rolo de turismo en nia moderna epoko, prezentas diverstipajn homojn, kiuj forlasitaj de sia turistgvidanto en dezerto fariĝas milionuloj de tempo, kaj povas ĝui plenan liberon...

La teatraĵojn prezentas trupo de Hungara Esperanto-Teatro. Reĝisoris: László Romhányi, rolas Csilla Herczeg, Józsa Haeser, Denise Kárpáti, Ildikó Pécsi, Zsuzsa Szilágyi, István Wohlmuth, Kálmán Szabó Roberto Bánky, Rikardo Horváth.

---

Pro malsano de Gabi JOBBA ne okazos la teatra programo „Mi volis brili...". Anstataŭ tiu ĉi recitalo okazos alia programo la 4-an de aŭgusto je la 16.00 en Kulturdomo Pataky.

# Kongresa

**BUDAPEŠTA INFORMILO**

68-a UK · BUDAPEŜTO · KONGRESA ELDONO

DUA NUMERO 1983-08-01


LA KOOPERATIVA ESPERANTO-KOMISIONO,
KOMUNA ORGANIZO DE LA NACIA KONSILIO
DE HUNGARAJ KOOPERATIVOJ (NUHKOOP)
KAJ DE LA HUNGARA ESPERANTO-ASOCIO (HEA)
**la 2-an de aŭgusto 1983, ekde la 10-a horo**
arangas

## *2*-an KONFERENCON DE LA KOOPERATIVAJ ESPERANTISTOJ

en la Rezidejo de Industriaj Kooperativoj
(Budapesto, 14-a distrikto, strato Thököly 58–60)

Post malferma parolo de István SZLAMENICKY, prez. de NUHKOOP, prelegos d-ro József Pál, prez. de Kooperativa E-Komisiono (KEK), kaj Imre SZABÓ, sekretario de KEK.

Al la Konferenco estime invitas kaj bonvenigas Vin la Organizantoj

# IMPONA INAŬGURO

### SALUTVORTOJ DE SÁNDOR GÁSPÁR, ALTA PROTEKTANTO de la 68a UK

En la nomo de la Prezidia Konsilio de Hungara Popolrespubliko, Hungaraj Sindikatoj kaj en la nomo de loĝantoj kaj gvidantoj de Budapeŝto kun estimo kaj amo mi salutas ĉiujn partoprenantojn de la 68a UK. Mi deziras al la kongreso krean, rezultplenan kaj bonan laboron.

Oni ne scias tutcerte, ĉu vere ekde Babelo ekzistas tiu ĉi lingva konfuzo en la mondo, sed estas fakto – ni estas dividataj ankaŭ el lingva vidpunkto. Tio certe havis kaj havas kialon historian. Ni tutcerte scias la intencon de tiuj, kiuj – antaŭ preskaŭ cent jaroj – kreis la bazon de lingvo Esperanto. Kun certo ni asertas: ili intencis krei per la komuna lingvo ilon por pli bona interhoma kompreno kaj estimo. Ili intencis fari komuna posedaĵo ĉion mensan trezoron amasiĝintan en nia mondo.

Ni konsideras Esperanto-movadon unu el la plej noblaj kaj puraj movadoj de la lastaj jardekoj. Ĉiun honestan, bonintencan homon entuziasmigas dum laboro, se li/ŝi vidas la rezulton de sia laboro. Kulturantoj de Esperanto povas vidi la rezulton de sia laboro.

Ankoraŭfoje mi deziras al vi bonfarton en Hungario, kie ni klopodis certigi por vi ĉiun antaŭkondiĉon. Bonan sanon, bonan laboron kaj multe da sukceso!

### EL LA PRELEGO DE E. BOUTLER

En ITU mi rigardas la komunikadon kiel ilon por evoluigo, precipe socia kaj ekonomia. Ni povas, kompreneble, mezuri aŭ taksi ekonomian progreson rilate al la vivnivelo kaj kondiĉoj, kaj tiel ni alvenas al la komparo inter la „havuloj" kaj „malhavuloj" aŭ al tio, kio ofte nomiĝas la „evolu-breĉo".

La ciferoj klare parolas. En 1982 troviĝis proksimume 550 milionoj da telefonoj en la mondo kaj 600 milionoj da televidiloj. Proksimume 15 procentoj de la nacioj uzas 90 procentojn de ĉi tiuj telefonoj kaj televidiloj, dum 85 procentoj de la nacioj de la mondo devas elturniĝi kun la restantaj 10 procentoj. Ĉi-speca malekvilibro kondukis al tio, ke la Ĝenerala Asembleo de Unuiĝintaj Nacioj proklamis la jaron 1983 Monda Komunika Jaro kun la temo „Evoluigo de komunikilaj substrukturoj". La bazaj celoj, deciditaj de la Ĝenerala Asembleo de UN, estas „doni la eblecon al ĉiuj landoj entrepreni profundan esploron kaj analizon de sia politiko pri la evoluigo de komunikado" kaj „faciligi akcelatan evoluigon de komunikilaj substrukturoj".

ITU estis nomita de la Ĝenerala Asembleo de Unuiĝintaj Nacioj kiel la gvida organizaĵo por la aktivado de Unuiĝintaj Nacioj kaj ties Specialaj Organizaĵoj rilate al la Jaro. La ĝenerala sekretario de ITU estas la kunordiganto de la Monda Komunika Jaro inter la UN-organizaĵaro. Unuiĝintaj Nacioj kaj la koncernaj specialaj organizaĵoj proksime kunlaboras kun ITU, por efektivigi vastan gamon da programoj, projektoj kaj agadoj por plenumi la celojn, deklaritajn de la Ĝenerala Asembleo de UN. Troviĝas apartaj roloj por Unesko kaj Universala Poŝta Unio kiel ankaŭ por koncernaj uzantoj kiel ekzemple: Monda Organizaĵo pri sano, Organizaĵo Internacia pri Civila Aviado, Monda Organizaĵo pri Meteologio kaj Nutraĵa kaj Agrokultura Organizaĵo. Aldone multaj neregistaraj Organizaĵoj proponis sian subtenon. Ĉi-loke mi aparte ŝatus varme bonvenigi la ambician programon de via Asocio, kiu fondos fakterminaron por komunika teknologio. Mi estas certa, ke tiu entrepreno havos sekvojn, kiuj longe superos la skribadon en Esperanto kaj esperantigon de tekstoj pri komunikado.

La Monda Komunika Jaro tamen ne estas nur agado, kiu okazas sur la nivelo de internaciaj organizaĵoj, sed ĝi intime koncernas tion, kio okazas sur la nacia nivelo, ĉar la celo estas finfine plibonigi la aliron al komunikado por la ordinara homo.

# La Hungarlanda historio de Esperanto

2-a parto

Esperanto trovis do fekundan grundon inter hungaroj, kies lingvo staras izolita en Eŭropo. Ĝia lingva strukturo kaj vortostoko faras al hungaroj aparte peniga lerni aliajn lingvojn, i.a pro la fremdaj lingvaj elementoj mankantaj en la hungara (genroj, akordigo, prepozicioj, vortordo, k.a.). Esperanto prezentis taŭgan eblon por relative facile transponti la lingvan fremdecon: esprimi sin alilingve kaj malfermi fenestron al la mondo. Entuziasmo ekscitis multajn talentulojn sindone oferi al la movado, precipe al la literaturo, konforme al la hungara kultura tradicio.

La unua mondmilito frakasis la brilan progreson. La publikagado ŝrumpiĝis, baldaŭ ĉesis „La Verda Standardo". La E-korespondado iĝis malebla. Sed ekviglis Esperanto inter la militkaptitoj, precipe en la cara Ruslando: Julio Baghy en famaj romanoj pentris la cirkonstancojn kaj entuziasmon de la Esperanton lernantaj en la Siberiaj urboj, kaj en la militkaptitejoj.

Fine de la milito, dum la Hungarlandaj revolucioj la movado rapide ekviglis. Gravaj esperantistoj, kiel gvidantoj de la Konsilia Respubliko, kreis tre favoran situacion por oficialigo, instruado kaj eldonaĵoj. Tiutempe aperis la unuaj poemtradukoj de Kálmán KALOCSAY (kaloĉai) LA INTERNACIO kaj poemoj de ADY.

Post subpremo de la revolucio ankaŭ nia movado refalis. Tamen malrapide oni sukcese refortigis ĝin, establis serion da kursoj kaj multe da publikaj prelegoj. HESL devis retiriĝi al la ĉefurbo, kaj eĉ tie ofte ĝenis la agadon policaj perturboj. Gvidantoj kaj elstaraj personoj de la laboristaj partioj aktive partoprenis en HESL, kiu dum jardeko triobligis sian membraron, kreis firmajn grupojn en industriaj urboj, eĉ inter la mizere vivantaj terlaboristoj.

La intelekta forto de la hungara movado, surbaze de la altnivela literatura vivo en Hungario, instigis fondi la revuon „LITERATURA MONDO" (1922) ĉirkaŭ Baghy kaj Kalocsay. Ilin sekvis talentaj beletristoj, ni menciu inter la vojmontraj verkistoj de la BUDAPEŜTA SKOLO la eminentan tradukiston, Karlo BODÓ, la profundscian recenziston Lajos TOTSCHE (poste TÁRKONY) kaj la multflankan, elegantstilan Ferenc SZILÁGYI (siladji) – kiu dum kaj post la dua mondmilito vivis en Svedio kaj redaktis la faman revuon „NORDA PRISMO". Ili triumfe forigis el nia literaturo la diletantismon kaj perfektigis ĝin ĝis tiam ne atingita alteco la poezion. La mirinde vivplena lingvo de la furora poezio de Baghy, la arte virtuoza traduka verkado de Kalocsay, altgrade riĉigis Esperanton. Al tiu Verda Parnaso kunlaboris ĉiuj eminentaj aŭtoroj de Esperantujo, ja la aŭtoritato de LITERATURA MONDO estis rekonata tutmonde, ankaŭ kiel plej aktiva eldonejo, organizita de la lertega Vilmos BLEIER. En la 30-aj jaroj L.M. eldonis – inter 80 volumoj! tra signifajn: Enciklopedio de Esperanto, Plena Gramatiko, Parnasa Gvidlibro, antologioj (hungara, svisa, ĉeĥoslovaka), krom la triumfaj verkoj de la du titanoj.

La 21a UK okazis en Budapeŝto (1929) kun 1200 aliĝintoj. Tiutempe jam estis organizitaj rondoj de blinduloj, katolikoj, skoltoj kaj pedagogoj, kiuj akiris rezultojn ne neglektindajn. Tamen la kreskanta faŝismo antaŭ la dua mondmilito malfortigis la movadon. La grandnombra laborista societo estis likvidita en 1934, kaj proksimiĝis malhela periodo, dum kiu multaj pereis aŭ iĝis martiroj en koncentrejoj.

### LITERATURA SEMINARIO

Mardon, la 2an de aŭgusto je 8h30, ĉe la enirejo B.12 renkontiĝos la literature interesataj personoj kiuj veturos, sub la gvido de s-ro Georgi MIHALKOV, al Biblioteko „Gorkij" Molnár utca 11 (Metro: Astoria), kie okazos, 9h00–10h30 seminario pri la aktiveco de Kooperativo de Literatura Foiro, honore al la datreveno de la unua eldono de INFERO, per la traduko de Kolomano KALOCSAY, represita de LF-koop.

(La partoprenantoj en la seminario estos oficiale akceptataj de la direkcio de la Biblioteko, kiu arangis ekspozicion pri Esperanto-libroj kaj revuoj.)

### HUNGARAJ AMASKOMUNIKILOJ PRI LA 68a UK

En la dimanĉa numero de gazeto „Népszava", organo de la Konsilio de Hungaraj Sindikatoj aperis interesa artikolo de Imre SZENES pri la kontaktoj de Esperanto kaj sindikatoj. Estas aparte emfazitaj la utilaj flankoj de la uzado de Internacia Lingvo Esperanto.

*

La Hungara Televido sabate vespere raportis pri la grava kolektaĵo de Károly FAJSZI. La intervjuo estis spicita per fotoj pri la fama libraro, kie troviĝas pli ol 5 mil libroj kaj kelkmil kompletaj jarkolektoj de E-periodaĵoj.

— —

### RADIO POLONIA pri la 68-a UK

RADIO POLONIA ĉiutage amplekse raportas pri la 68-a UK en siaj ses E-elsendoj, dissendante informojn kaj sonraportaĵojn de sia speciala kongresa raportistino, red. Barbara PIETRZAK. Ekde la 11-a julio 1983 RADIO POLONIA enkondukis plian, jam la sesan ĉiutagan elsendon en Esperanto. Ĝi estas aŭdigita de la 17.30 h, laŭ la somera mezeŭropa tempo, per mallongaj ondoj en la zonoj de 31 kaj 41 metroj.

— —

### PLANETARIO

La Budapeŝta Planetario invitas vin en sian modernan konstruaĵon por spekti du esperantlingvajn programojn: la 2-an kaj 3-an de aŭgusto antaŭtagmeze, je la 10-a, 11-a kaj 12-a horoj, *La astroplena ĉielo super Hungarlando*; en la samaj tagoj posttagmeze, je la 16-a kaj 18-a horoj *La stelo de Bet–Lehem*.

La enirbiletoj 10, resp. 20 forintoj) estas surloke aĉeteblaj.

La Planetario estas facile atingebla: Eliru el la Kongresejo; iru per trolebuso n-ro 75 aŭ per aŭtobuso n-ro 55, suden, ĝis la lasta haltejo, *Népliget*. Ĝi estas proksima al la Planetario.

# KONGRESA KURIERO

1983-08-01

2-a numero

## PROGRAMŜANĜOJ

### LUNDO 01 AŬG.

- 14.00–16.00 IFEF: La kunveno okazos ne en salono Kalocsay, sed en salono *Baghy*.
- 17.30–19.00 ILEF: La kunveno okazos ne en salono Kabe, sed en salono *Baghy*.

### MARDO 02 AŬG.

- 09.00–10.00 IKU 4 (prelego de Hauger) okazos ne en salono Kalocsay, sed en salono *Privat*.
- 16.00–18.00 T.Sekelj: **„Esperantistoj el nealiancitaj landoj"** (nova programero) okazos en salono *Baghy*.

### MERKREDO 03 AŬG.

- 20.00–23.00 T. Sekelj: **„Verkistoj kaj legantoj"** (nova programero) okazos en salono *Grabowski*.

### JAŬDO 04 AŬG.

- 09.00–10.30 BEL: La kunveno okazos ne en salono Korach, sed en salono *Kossa*.
- 14.00–17.00 **Kongresa Temo** (laŭbezonaj laborkunsidoj): Ŝanĝo de horo; la kunveno okazos je *09.00–11.00*. La salono estos la sama (*Baghy*).
- 17.00–19.30 **Terminologia sekcio de SEC** (nova programero) okazos en salono *Baghy*.
- 18.00 **oficiala akcepto** (nur por invititoj) okazos en la *Parlamentejo*.

### VENDREDO 05 AŬG.

- 09.00–10.00 **IKU 7** (prelego de Eichhorn) okazos ne en salono Kalocsay, sed en salono *Privat*.
- 09.00–10.00 **TEJA (ĵurnalistoj)** ( nova programero ) okazos en salono *Szathmári*.
- 11.30–12.30 **IKU 8** (prelego de Mészáros) okazos ne en salono Kalocsay, sed en salono *Hodler*.

— —

## DU GRAVAJ SERVOJ

Apud la enirejo de la kongresejo funkcios la tradicia „*Rendevua Tabulo*". Se vi havas mesaĝon por via amiko aŭ amikino, vi iru al la ĉarmaj deĵorantinoj de la rendevua servo, kiuj prenos vian leteron kaj surgluos al la tabulo la kongresnumeron de li aŭ ŝi. Se viaflanke estos atendata informo, serĉu vian kongresnumeron sur la Rendevua Tabulo. Krome, ĉar pro teknikaj kialoj nek en la Kongresa Libro, nek en ĝiaj suplementoj troveblas nomoj de la anoj de karavanoj el la socialismaj landoj en laŭlanda kaj alfabeta ordigo, tiuj damoj en sia katalogo trovos la nomon de tiu, kiun vi serĉos.

Alia rimedo, kiu helpos vin. Laŭ la iniciato de Michela Lipari-Sato naskiĝis nova tabulo, kiu devos servi dum la estontaj UK-oj same. Ĝia titolo: „*Kio? Kiam? Kie?*„ Sur ĝi ĉiutage vi trovos la aktualan programon kun ĉiuj ŝanĝoj. Ŝanĝitaj programeroj (nova loko, nova tempo, ne anoncita evento) estos skribitaj per ruĝa inko.

— —

## KONGRESA KURIERO

En nia giĉeto (sur la koridoro de la 1-a etaĝo) staras skatolo markita „AL LA REDAKCIO DE LA KONGRESA KURIERO".

Viajn informojn por Kongresa Kuriero bonvolu meti en tiun skatolon.

## STATISTIKO

Nur cent aliĝoj mankas por atingi la ĝis nun plej amasan Universalan Kongreson! Ĉis la 10-a horo, dimanĉe aliĝis 4863 kongresanoj. Anticipan dankon kaj saluton al la 5000-a kongresano!

Kongresa numero de Budapeŝta Informilo. Redaktis: d-ro Árpád MÁTHÉ. La rubrikon „Kongresa Kuriero" redaktis Ingvar SCHOULTZ. Respondeca redaktoro: d-ro Vilmos BENCZIK. Respondeca eldonanto: Tibor VASKÓ. Enpaĝigo: Eszter KISS. Tajpis: Ferencné ZSIDI.
Készült a SZOT Nyomdájában. Eng.sz. III/TSZLI/12/1980. Index 25159 HU ISSN 0133–0977.

## PRI LA ESPERANTOLOGIA KONFERENCO

Certe vi jam rimarkis, ke ĵaŭde (9a–11a, 14a–16a horoj), en la salono Wüster okazos esperantologia konferenco. Krom daŭrigi la kelkjaran tradicion kaj kontribui al la laboro de la Kongreso, ĝia celo estas, ĉi-jare, konigi iom el la laboro de la Esperanto-fako de la Budapeŝta Universitato Eötvös Loránd.

Prof. d-ro István SZERDAHELYI (iŝtvan serdahejі) prelegos pri etimo kaj vorto en lingviĝinta projekto; li intencas prezenti kaj pruvi, *kiom* signifo de leksemo dependas de la sistemo, en kiun ĝi estas transplantita. Balázs WACHA (balaĵs vaha) pritraktos problemojn de la participoj en funkcio de epiteto kaj en konjugaciaj formoj, tuŝante la demandon: kio kaj kiom estas ĉi-teme studinda. Ryszard ROKICKI (ryŝard rokicki) prezentos sian teorion pri (*ne* morfologiaj) kategorioj de la vortradikoj. A. VALTLAVIĈIUS prelegos pri ortografio de propraj nomoj. „Per la angulo tiu temo koncernas la ĝeneralan temon FAKLEKSIKO, ĉar temas plejparte pri geografiaj nomoj, ankaŭ pri la nun tre komplikiĝinta demando pri landnomoj" (A. Valtlaviĉius). „Meze inter teorio kaj praktiko" lokiĝos prezentado de aŭdo-vida instrumateriale de B. Wacha. Interalie ĝi celas demonstri konsideron de kontrasta analizo de la lingvoj gepatra kaj instruata.

## RENKONTIĜO INTER ESPERANTAJ VERKISTOJ KAJ LEGANTOJ

La 3-an de aŭgusto (merkrede) je la 20-a horo (paralele kun la junulara vespero) okazos renkontiĝo inter Esperantaj verkistoj kaj legantoj. La kunvenon partoprenos multaj elstaraj verkistoj interalie Tibor SEKELJ, Baldur RAGNARSSON, István NEMERE kaj aliaj. Estas petataj ĉiuj verkistoj kaj legantoj sen aparta invito veni je tiu horo al la salono Wüster.

Tibor SEKELJ

## ESPERANTA VERKISTA ASOCIO

La membroj de Esperanta Verkista Asocio havos sian kunvenon la 2-an de aŭgusto (marde) je la 9-a horo en la salono Wüster. Ĉiuj membroj estas petataj je la nomita horo nepre iri tien.

— —

En la kongreslibro, sur paĝoj 32–34 aperis artikolo de Ervin FENYVESI sub titolo „Budapeŝto — ĉefurbo jam du mil jarojn". Pro teknikaj kaŭzoj tie mankas la nomo de la aŭtoro. Oni petas pardonon.

## ĈU REKORDO ANKAŬ KULTURKAMPE?

(Daŭrigo pri teatraj programoj)

Senĉese tenas sin la rekorda temperaturo en Budapeŝto, ĉirkaŭ tridek gradoj mezureblas en ombro. Kaj ni ŝuldas ankoraŭ per konatigo de rekordnombraj teatraj prezentadoj. Sekvu do:

II.

### Eksterkongresejaj teatraj programoj

La Teatrejo estas Kulturcentro „Pataky István" en urboparto Kőbánya, sur placo Pataky. Ĝi estas atingebla per diversaj amasveturiloj, ni sciigas nur la „rektan" vojon, t.e. tiun de Kongresejo al Teatrejo.
Per metroo oni devas veturi ĝis ĝis la fina stacio Fehér út. Elirante el metro-stacio tuj dekstren oni serĉu aŭtobuson n-ro 32, kaj per ĝi veturu kvin staciojn ĝis *Pataky István tér*.

### Pliaj dek titoloj

Lunde komenciĝos la unua, ĵaŭde vespere finiĝos la deka teatra prezentado — tiu ĉi denseco de programoj je unua aŭdo montrus troorganizitecon, sed konsiderante kvin milojn da kongresanoj, ties heterogenan konsiston kaj diversan interesiĝon, la abunda programo signifas samtempe riĉan elekteblon: ĉiu trovu laŭplaĉe al si elinter klasika komedio kaj moderna lirika dramo, el literaturaj programoj, pup-prezentado, respektive Esperanto-temaj teatraĵoj.
Arta gvidanto de la kulturaj programoj estas aktoro Kálmán Szabó, kies eminentan ludon kaj reĝisoradon jam plurfoje ĝuis esperantista publiko. Flanke de HEA respondecas pri artaj aranĝaĵoj s-ino Éva Farkas-Tatár LKK-ano kaj d-ro Vilmos Benczik LKK-sekretario.

### Beckett kaj Masters samtage

Du teatraĵoj sin sekvos lunde, la 1-an de aŭgusto. Komenco: 16-a horo. Komuna estas en ili, ke ambaŭ devenas el plumo de famaj aŭtoroj, ambaŭ teatraĵojn tradukis Jozefo Horváth, ambaŭ prezentadojn reĝisoras Kálmán Szabó, kiu estas la sola ludanto en la unua, en: „La lasta magnetofonbendo de Krapp", en monodramo de la Nobel-premita aŭtoro.

Krapp estas maljunulo demoraliziĝinta, kiu ĵus festas sian naskiĝtagon kaj reaŭskultas sian antaŭtridekjaran surbendigitan memkonfeson... Eble lia vivo estus sukcesinta, lia verkista kariero realiĝinta, se tragikaj eventoj ne intervenus...

Kálmán Szabó la saman monodramon jam prezentis en la kadro de Internacia Renkontiĝo de Esperantaj Teatroj. La prezentado atingis grandan sukceson, precipe ĉe intelektularo.

Pro la iom morbida temo (revivigo de mortintoj en tombejo) ankaŭ la dua prezentado kalkulas ĉirkaŭ pri la sama publiko. La „poezia vizio", kiu estas elektaĵo el „La antologio de Spoon-river" de Edgar Lee Masters, nun havas la titolon: „La mortintoj de Spoon-river".

Elstaraj hungaraj geaktoroj: Kossuth-premiitoj Kati Berek kaj Emil Keres, merita aktorino Ildikó Pécsi, Lajos Cs. Németh, István Wohlmuth prezentos la teatraĵon. Pro malsano de aktorino Gabi Jobba, ŝian rolon transprenis Denise Kárpáti, kiu dum printempaj prezentadoj jam sukcese solvis tiun taskon.

### Sen eliro de J. P. Sartre

La dramon de la Nobel-premion rifuzinta Sartre prezentos TESPA – Teatro Esperanta de Parizo, la 1-an de aŭgusto, je 20-a horo.

Laŭ la ĝisnuna repertuaro de TESPA (ja aŭtoroj de la far ili prezentitaj teatraĵoj estis: Camus, Ionesco, Cocteau kaj Brecht) kaj konante la verkaron de Sartre, ankaŭ tiu ĉi prezentado celas unuavice intelektulojn.

El TESPA antaŭ tri jaroj – oni dire pro geografiaj kialoj – eliĝis, memstariĝis „Krizaliĉo" kies prezentadojn en la jaro 1982 dum IRET ĝuis pli vasta publiko. Aŭ ĉu la disiĝo okazis pro tio, ke ili celis aliajn tavolojn de spektantoj?

La dramon tradukis Georges Lagrange, prezentos: Michel Audibert, Sylvie Bonnet, Sylvanie Bourelly kaj François Lo Jacomo.

### „Zamenhof", – monodramo de Gibczyńska

La konata pola aktorino Jadwiga Gibczyńska estas ankaŭ la aŭtoro de la dramo, ŝi verkis ĝin ne laŭ jam publikigitaj, konataj biografioj, sed laŭ originalaj dokumentoj. Per okulоj de tri virinoj – proksimaj al Zamenhof –: Rozalia, la patrino, Klara, la edzino, kaj Lidia, la filino – ŝi vidigas luktoplenan vivon, sukcesojn kaj malsukcesojn de Majstro.

Por muziko akompano ni povos aŭdi kantojn el la plej popularaj poemoj de Zamenhof.

La temelekto mem estas feliĉa, sed la sukceso apartenas nepre al virtoj de la dramon prezentonta aŭtorino-aktorino.

Titole kaj intertekste ni plurfoje aludis pri rekordoj. Estus dezirinde, ke la longdaŭran sinpreparon de entuziasmaj profesiaj kaj amatoraj geaktoroj kaj ne facilan laboron de la organizantoj ankaŭ la publiko rekompencu per rekorda nombro, plenigante la spektaklejon.

(Daŭrigota)

# Kongresa
## BUDAPEŜTA INFORMILO

68-a UK · BUDAPEŜTO · KONGRESA ELDONO

TRIA NUMERO 1983-08-02


# KVIZO - 75 jara UEA

Dimanĉe posttagmeze en Salono Privat okazis KVIZO. Gvidis la demando-konkurson Brian MOON. Konkursis du teamoj: unu hungara, unu internacia – pri la historio de UEA kaj parencaj aferoj. Oni havis streĉan konkurson kun tre malgranda marĝeno en la fina rezulto. Ĉeestis la konkurson 80 personoj.

La gajnintoj estis Csaba LENDVAY, Ernő CSISZÁR kaj József CSEH, do la hungara teamo kun 37 poentoj por la internacia teamo konsistanta el Luis SANTOS (Kolombio), Angelos TSIRIMOKOS (Grekio) kaj Leif-Gunnar NORDENSTROM (Svedio). Ĉiuj partoprenintoj ricevis ekzempleron de la plej nova eldonaĵo de UEA (La lingva esenco de Esperanto de A. Atanasov), dum la gajnintoj ricevis ankaŭ monpremion.

Brian MOON

* * * *

# ĈU REKORDO ANKAŬ KULTURKAMPE?

(Daŭrigo pri teatraj programoj)

Preferantoj de klasikaj komedioj kaj de tradicia teatra ludo elektu la mardan programon, prezentadon de Epifanio de Shakespeare. Tempo: 21-a horo. Sekvonttage en sama tempo la prezentado ripetiĝos.

Nek la komedion – kiun esperantigis W. Auld rekte laŭ peto de la prezentonta BET – nek Bulgaran Esperantan Teatron ni devas konigi aparte, ja ambaŭ estas konataj tutmonde. Tamen, BET meritas apartan mencion: ĝi fondiĝis ĝuste antaŭ 25 jaroj kaj ekde tiam ili estas perantoj de universala homa kulturo pere de universala lingvo Esperanto. La teatro konsistas el renomaj bulgaraj geaktoroj, ilia direktoro estas: Kiril Drajev. Ni gratulu la jubileantan teatron per penplena salono!

### Johano la brava

Tiu ĉi muzika pupteatraĵo ne estas antaŭanoncita, ĝi venis kvazaŭ surpriza donaco, do nepre oni serĉu la Teatran Giĉeton por akiri la biletojn. Precipe gepatroj de partoprenantoj de Infana Kongreseto – ja la pupteatra prezentado estas tre kara por infanoj kaj geknaboj. Ankaŭ plenkreskuloj povas ĝui la teatraĵon, kies temo povas esti konata, ja la fundamenta verko – la versa popolfabelo de Petőfi aperis plurfoje en Esperanto, lastfoje en „Libero kaj Amo".

Hungara Ŝtata Pupteatro ludas en Esperanto ekde la 51-a UK, per la sama prezentado en la Zagreba Pupteatra Internacia Festivalo ili gajnis kvar diversajn premiojn.

La verkon por pupteatra prezentado adaptis: Dezső Szilágyi. Tempo de la prezentado: ĵaŭdo, 14-a horo.

### Malnovmoda Komedio

Ĵaŭde vespere je 18-a horo denove ni povos ĝui prezentadon de BET, ĉifoje oni ludos Malnovan Komedion, kiu nur titole estas malnovmoda, fakte ĝi estas moderna lirika dramo el plumo de soveta aŭtoro Arbuzov.

La hungara publiko bone konas tiun dramon, ja en Teatro Madách la duopo: Klári Tolnai kaj László Mensáros plurfoje sukcese prezentis ĝin sub titolo: Késői találkozás.

La tradukon faris mem la prezentotaj geaktoroj: Belka Beleva kaj Anani Anev, kunfondintoj de BET.

La lasta sukceso de BET ankaŭ apartenas al Budapeŝto, ja printempe en kadro de IRET ili prezentis la „Rozoj"-n.

La reĝisoro estas: Nikola Petkov, ĉefreĝisoro de Ŝtata Muzika Teatro en Sofio. Kunlaboranto estas: Angelina Sotirova.

### Ni vivos

Vendrede je la 15-a horo ni povos denove renkontiĝi kun geaktoroj de „Garabonciás studió", kiam ili prezentos la dramon „Ni vivos", verkitan originale en Esperanto far Julian Modest. „Ni vivos" estas dokumenta dramo pri la vivo de Lidia Zamenhof: la agado okazas en Varsovio dum germana okupado, respektive en la varsovia getoo.

Krom Lidia aperas sur scenejo aliaj Zamenhofanoj, ankaŭ imagitaj personoj. La prezentado iom diferencos de la jam libroforme aperinta dramo, ĉar la aŭtoro konsideris konsiston de la teatra trupo, ties specifecon, kaj konceptojn de la reĝisoro: János Beregszászi. La interkonsente farotaj negravaj ŝanĝoj tamen kontribuos al pli granda sceneja efiko. Lidian rolos: Mária Fekete, Sofian: Csilla Gudricza, la dekoracio kaj kostumoj venas de pentristo Iván Szkok.

Márton FEJES

* * *

### KANTEMULOJ!

Internacia Esperanto-Ĥoro denove kolektiĝas ĉiutage (escepte merkredon) je la 17-a horo en Salono ZAMENHOF. Estu bonvenata! La ĥorestro.

# La Hungarlanda historio de Esperanto

(3-a parto)

Apenaŭ ĉesis la bataloj, la movado rapide reviviĝis: HES kaj HESL ekagis en Budapesto jam dum printempo de 1945. Oni precipe alcelis pedagogojn, sekve 102 parmalentanoj subskribis peton por la vasta lerneja E-instruado. La Hungara Radio dum pli ol du jaroj dissaŭdigis (du-kvar-foje) ĉiusemajne informojn E-lingve. La movadon firmigis la unuiĝo de ambaŭ societoj (1947) kaj la reapero de LITERATURA MONDO (1947–49), kiu reeldonis ankaŭ de Petőfi „Johano la Brava". Ĝin tradukis KALOCSAY, kiu tiutempe abunde verkis: krom volumoj de Baudelaire, Heine, Reĝo Lear, Ady, Petőfi, li kolektis la jam la surprize multajn poemtradukojn por TUTMONDA SONORO – aperinta post lia morto. Ankaŭ Baghy multe verkis en diversaj ĝenroj (Sonĝe sub pomarbo, k.a.), krome li organizis, instruis kaj prelegis senlace. Dum la jaroj de la tn. „frida milito" la asocio ĉesigis sian agadon, kvankam Esperanto ne estis malpermesita: aktivuloj plurloke faris propagandon, kunvenis kaj instruis, eĉ faris prelegojn.

Post kelkaj jaroj, en 1955 la publika movado reviviĝis: ĉekape agadis Julio Baghy, kiel prezidanto de E-Konsilantaro, kiu baldaŭ prenis la kutiman formon: HUNGARA ESPERANTO-ASOCIO (HEA). Ĝia agado estis (kaj estas) vaste rekonata: grave subtenas ĝin la Landa Konsilio de Sindikatoj, kaj aliaj gravaj organizaĵoj de la lando. Flanke de la gvida politika forto, la Hungara Socialisma Laborista Partio, mem la unua sekretario, János KÁDÁR esprimis plurfoje – ankaŭ per salutletero – sian apogon kaj respekton al Esperanto.

Depost 1961 aperas la literatura kaj socia revuo HUNGARA VIVO, sekvante la tradicion de Literatura Mondo, kun internacia kunlaborantaro. De tiam aperis ankaŭ HUNGARA ESPERANTISTO kiel movada bulteno – kiun nun daŭrigas BUDAPEŜTA INFORMILO, eĉ kiel internacia ligilo. La organizan forton atestas la abundaj „renkontiĝoj", konferencoj kaj aliaj programoj – dufoje IFEF-kongresoj – kaj precipe bonvene efikis la 51a UK (1966) kun 4 mil aliĝintoj.

Fiere menciindas la jardeko de ESPERANTO-FAKO en Budapeŝta universitato ELTE (prof. István SZERDAHELYI), la tie disvolviĝinta Esperantologia kaj metodika agado. Porinstruistaj alternejajn fakulojn edukas por la kreskanta lerneja E-instruado. Infanojn helpas la konata revueto „JUNA AMIKO".

La novajoj de nia movado ebligas al la amaskomunikiloj abunde informi la publikon pri Esperanto, pri ĝiaj interesaj allogajoj. Ankoraŭ mencinde unika estas la surstrate vendata, plac-aspekta „VILÁG ÉS NYELV" (Mondo kaj Lingvo), hungarlingva propaganda revuo, informilo kaj diskutforumo (la redakcion partoprenas famaj lingvistoj el universitatoj). Tiu revuo akiras ofte intervjuojn de gravaj personoj, eĉ organizis publikan leteron de pluraj parlamentanoj, kiu plendis por internacia uzo de IL. La kvaronjara serioza fakrevuo „HUNGARA FERVOJISTA MONDO" estas eksterlande konata (depost 1957).

(Daŭrigota)

Ervin FENYVESI

* * * * * *

### 2-a KONFERENCO DE LA KOOPERATIVAJ ESPERANTISTOJ

En la Rezidejo de Industriaj Kooperativoj
(Budapesto, 14-a distrikto, strato Thököly 58–60)

1. Prezidanta malferma parolo de d-ro István Szlamenicky, prezidanto de NUHKOOP
2. Aktualaj demandoj de la kooperativa movado, taskoj por evoluigi la internaciajn kontaktojn. Preleganto: d-ro József Pál, prezidanto de KEK. Referaĵoj, alparoloj
3. Propono formi sisteman kunlaboron inter la Kooperativaj Esperanto-Komisionoj de la opaj landoj. Preleganto: Imre Szabó, sekretario de KEK. Diskuto pri la propono.

Al la Konferenco estime invitas kaj bonvenigas Vin la

Organizantoj.

### URBORIGARDO EN BUDAPEŜTO KUN MAGNETOFONO

Okaze de la 68-a Universala Kongreso la firmao CITY–TAXI inter multaj lingvoj ekuzos ankaŭ Esperanton por turismaj celoj.

Ĉu vi volas interkonatiĝi en mallonga tempo kun la plej gravaj turismaj vidindaĵoj de Budapesto? Telefonu al la numero 141–793 kaj vi ĝuos neforgeseblan duhoran rondveturon en la urbo. Dumvoje magnetofono rakontos al vi ekz. la historion de la koncerna vidindaĵo kaj estas ebloj por plilongigi la programon aŭ resti iom pli en loko kiu ege plaĉas al vi. Tia rondvojaĝo POR KVAR PERSONOJ kostas 450 forintojn.

La koncerna firmao de taksioj ankaŭ en la futuro uzos Esperanton, lingvon internacian kun universala destino. Jen estas ekzempleto por la universaleco. Per la numero 141–793 vi povas mendi aŭ antaŭmendi taksion, vi povas partopreni en esperantlingva magnetofona urborigardo kaj laŭdezire mendi plurajn taksiojn eĉ por tuta tago.

Bonan vojaĝon!

* * *

### CSEH-kursoj

Kiuj ankoraŭ intencas aliĝi al la Cseh-kursoj kaj Cseh-seminario, estas petataj fari tion en Emba-salono antaŭ laborkomenco lunde.

* * *

### POR AŬTISTOJ!!

Memgluaj orangaj sildoj por aŭtomobiloj aĉeteblas kontraŭ 15 forintoj en la Libroservo (Salono Literatura Mondo).

ATENTU! Rajtas parki ĉirkaŭ la Kongresejo nur aŭtomobiloj havantaj tiun ĉi sildon!

* * *

En la kongresa DOKUMENTUJO vi trovas 2 tuj uzindajn foliojn:

LISTO DE RESTORACIOJ kaj RESTORACIA MAPO

helpas Vin trovi PROKSIME dum la tagmeza paŭzo RESTORACIOJN kaj KAFEJOJN.

KUNPORTU TIUJN FOLIOJN!

# KONGRESA KURIERO

1983 08 02

3-a numero


## PROGRAMŠANĜOJ

### KLARIGOJ

• Programŝanĝo, kiun ni jam anoncis en antaŭa numero de la Kongresa Kuriero.

•• Nova programŝanĝo, ne antaŭe anoncita en la Kongresa Kuriero.

### MARDO 02 AŬG.

• 09.00–10.00 **IKU 4** (prelego de Hauger) okazos ne en salono Kalocsay, sed en salono *Privat*.

•• 14.00–15.00 J.P. **Milagres: „Diapozitivoj pri Brazilio"** (nova programero) okazos en salono *Baghy*.

•• 15.30–17.00 **Kunveno de Guozi Shudian** (nova programero) okazos en salono *Lengyel*.

• 16.00–18.00 **T. Sekelj: „Esperantistoj el nealiancitaj landoj"** (nova programero) okazos en salono *Baghy*.

### MERKREDO 03 AŬG.

• 20.00–23.00 **T. Sekelj: „Verkistoj kaj legantoj"** (nova programero) okazos en salono *Grabowski*.

### ĴAŬDO 04 AŬG.

• 09.00–10.30 **BEL**: La kunsido okazos ne en salono Korach, sed en salono *Kossa*.

• 09.00–11.00 **Kongresa Temo** (laŭbezonaj laborkunsidoj) en salono Baghy: Ŝanĝo de horo. La kunsido ne okazos je 14.00–17.00.

• 17.00–19.30 **Terminologia sekcio de SEC** (nova programero) okazos en salono *Baghy*.

• 18.00 **Oficiala akcepto** (nur por invititoj) okazos en la *Parlamentejo*.

### VENDREDO 05 AŬG.

• 09.00–10.00 **IKU 7** (prelego de Eichhorn) okazos ne en salono Kalocsay, sed en salono *Privat*.

• 09.00–10.00 **Teja (ĵurnalistoj)** (nova programero) okazos en salono *Szathmari*.

• 11.30–12.30 **IKU 8** (prelego de Mészáros) okazos ne en salono Kalocsay, sed en salono *Hodler*.

•• 14.00–15.00 **Fondkunveno de Filozofia Asocio Tutmonda** (nova programero) okazos en salono *Lengyel*. Prizorgas: E. Pauli

•• 15.00–16.00 **La Infana Kongreseto sin prezentas** (nova programero) okazos en salono *Hodler*.

• • •

## NOVAJ ALIGOJ

4732 AMAYA Lyana Maria R, Attdo Ač 14177 Bogota, Colombia
4733 ĝos-m SANTOS-MORALES Luis Jorge, Apartado Aereo 88999 Bogota, Colombia
4734 CALVO Leonor J. Feisoo, CRA. 22/34-12-Piso 4 Bogota, Colombia
4735 JARVINEN Armi Reetta, Ukonkivenpolku 2.7.73, 01610 Vantaabi, Finnlando
4736 MORON Bravo José, Clos Cartera 19-3. 4, Sevilla, Hispanio
4737 GERGELY András, Sanmartin, 230, jud. Harghita 4133, Rumanio
4738 OGRAM Rom, 100 Crerar Avenue, Ottawa, Ontario, Kanada
4739 GASSNER Kitty, 16/30 Cowper st. Randnick 2031, Aŭstralio
4740 DANAJKA Noémi, 8500 Pápa, Bajcsy-Zs. 22. Hungario
4741 VIRAGH Péter, 7633 Pécs, KállaiÉva tér 3.II/6., Hungario
4742 PAZAVER Petar, Fervoista domo, 54000, Osijek, Karadžićeva 2. Jugoslavia
4743 MIGLÉTZ Zoltán, 3711, Szirmabesenyő, Kazinczy u. 14, Hungario
4744 chvs-u SCHWEIZER Christiane, 8010 Dresden, Pillnitzer str. 24, GDR
4745 VIDIČ Nikola, Osijek, Bosanska 4. Jugoslavio
4746 LA TORRE Mauro, Via De Carolis 113, I-00136, Roma Italio
4747 D'ONOFRIO Margherita, Via Degli Ortaggi 42, I-00100, Roma, Italio
4748 GEORGIEVA Mari Todoŝeva, Varna st. Car. Asen N. 21, Bulgario
4749 ANDERSSON Axel Hilding Greger, Skoogavägen 14, 670 40 Aamotfors, Svedio
4750 DUDÁS Józsefné, 5630 Békés, Majornkert 10, Hungario
4751 FRANZONI Leo, Via Cavallotti 32-24017 Treviglio, Italio
4752 LÖDÖR Arpad, Brüselle, STW 444 9219, Gento Belgio
4753 klkl-t KLIMT Klaus, Gartenstr. 16. 4300 Quedlinburg, DDR
4754 HEUSCHEN Albert A.F. 155 Rue. DE Hermee, 4400, Herstal, Belgio
4755 CSOMÓRNÉ TILIMPÁS Mária, 6900 Makó, Kölcsey 28. Hungario
4756 SPADONI Lucia, Via Cavallotti 32-21042, Treviglio, Italio
4757 TADAIŜI Ĉizuko, Ootu, ANO 3-13-5, Siga, Japanio
4758 MARINON Kirilov Clara, Intrarea Cucului 1, 1900 Rumanio
4759 JAGI Mikiko, Kioto-615, Niŝikjogoku-Maĉinocubo 14, Japanio
4760 HALMAGEAN Angela, Com Sicula nr. 350. 2866, jud. Arad, Rumanio
4761 NAGY Josif, Politekniko, Bukaresto str. Polilu, Rumanio
4762 DOBRE Elisabeta-Lacrima, 1868 Tomesti căminul Tineretului Timis, Rumanio
4763 BOCIORT Florian, Piata N. Bălescu 5. 1900-Timisoara, Rumanio
4764 BUTE Aurora, Timisoara, str. Brindusei 6. Rumanio
4765 ERDÖS Francisko, 4112 Tusnad-sat 33. dep. Harghita, Rumanio
4766 SZŰCS Irena, Oradea str. Birsei 41., Rumanio
4767 SZASZ Lenche-Ana, 4150 Odorheiu Secuiesc, str. Pácii Bl. 12, ap. 2. Jud. Harghita, Rumanio
4768 BONART Ignat Florian, Bd. Eedilor 7/D, Rumanio
4769 OSTOIA Helena, Intiarea Castanilor 2. 1900, Timisoara, Rumanio
4770 BILOUS NAGY Kornelia, 4150 Odorheiul Secuiesc str. Garofitei 1., Rumanio
4771 CHIORFANU Cornelia, 1900 Timisoara, str. Doja 24, Rumanio
4772 PALU Raja, SU 200016 Tallin, Sölme 21. Estonio, USSR
4773 PALU Johannes, SU 200016 Tallin, Sölme 21. Estonio, USSR
4774 DARGOV-ANODO Raŝo, J.K. „Mladost-2" blok 213, ap. 86 1199 Sofio, Bulgario
4775 DARGOVA Sarko Mutoo, J.K. „Madost-2" blokk 213, ap. 86. 1199 Sofio, Bulgario
4776 PIETRZAK Aguienka Barbara, Warszawa 03-022, Mietzynarodowa 38/40 A m 27, Pollando
4777 POPOVA Nedjalka, 9000, Varna, st. Dro Dimitrov 22, Bulgario
4778 STARK José, 46 Bl des Guuarets, Belgio
4779 NOJONEN Mirjam, SF-79600 Joroinen, Finnlando
4780 BEDNARIK Dalibor, 821 06 Bratislava, Lotyšská 8, Ĉeĥoslovakio
4781 MAVRIN Frédéric, 20, rue de l'Aiguillerie, 34000 Montpellier, Francio
4782 BELLEBONO Francesco, Via Pascoli 24. 24058 Romano Lombardo, Italio
4783 GREBER Nicolas, Beranges 172. 1814 La Tour-de-Peilz, Svislando
4784 TOLVANEN Kaija Hillevi, Huhtiniemenkatv 6. B 19, 53810 Lappeenranta 81, Finnlando
4785 PISANELLO Giorgio, Via Bertolini-3. 31100, Treviso, Italio
4786 BANDONI Maria Evi, Via DElle Ville 107–I-55013 Lucca Italio
4787 LEPESI Ágnes, Pécs, Ajtosi Dürer 6/B. 7623, Hungario
4789 EVANS Lyle, Po. Box. 480, Blacksburg, VA. 24060, Usono
4790 BERTOLINI Dante, L'Amarasca, CH–6604, Locarno, Svisio
4791 TYTGAT Kristin, Sint-Hathebrandstraat 8. B-2510 Mortsel, Belgio
4792 BOKLAK Dominik Mgr., Curie Sklodovska strato 14/1, 31-025 Krakovo, Postfako 724, Pollando
4793 SHERWOOD Judith N., 507 S. Draper. Champaign IL 61821 Usono
4788 SHERWOOD Bruce Arne, 507, S. Draper, Champaign IL 61821, Usono
4794 MORTON Andrew David, 6 Harugy Road, Cambridge, Britio
4795 KEATES Katie, 8 Albion Road, Ramsgate, Kent CT11 8DJ, Anglio

• • •

## PARTOPRENU EN INTERESA LABORO KAJ TROVU NOVAJN GEAMIKOJN

Partoprenu en facila laboro dum du aŭ tri horoj:

- Vi trovos novajn geamikojn el multaj landoj.
- Vi lernos interesajn detalojn pri diversaj movadaj laboroj.
- Hejme vi povos rakonti pri nekutima sperto.

Kutime oni laboras dum du horoj. Vi povas elekti inter tre diversaj taskoj por la Kongresa Kuriero: transportado de mesaĝoj, raportado pri kunvenoj, intervjuado por artikoloj, disdonado de informiloj en giĉeto, tajpado kaj kompostado, provlegado, helpado en la kunordigo de la laboro, kaj aliaj.

Informiĝu ĉe nia giĉeto (ĉe la ĉefa enirejo). Ankaŭ se vi nur scivolas, kaj ankoraŭ ne decidis kunlabori, petu nian informilon!

**Bonvenon al nia teamo!**

La Kongresa Kuriero


Kongresa numero de Budapeŝta Informilo. Redaktis: d-ro Árpád MÁTHÉ. La rubrikon „Kongresa Kuriero" redaktis Ingvar SCHOULTZ. Respondeca redaktoro: d-ro Vilmos BENCZIK. Respondeca eldonanto: Tibor VASKÓ. Enpaĝigo: Eszter KISS. Tajpis: Ferencné ZSIDI.
Készült a SZOT Nyomdájában. Eng.sz. III/TSZL/12/1980. Index 25159 HU ISSN 0133–0977.


## EKSTERKONGRESEJAJ EKSPOZICIOJ

### Bulgara Kulturcentro

La 16an, sabate, 07.30 okazis la solena inaŭguro de la ekspozicio „75 jarojn Bulgara Esperantista Asocio kaj 10 jarojn Internacia E-Kursejo". Partoprenis pli ol 200 personoj. Alparolis D. PAPAZOV, sekretario de BEA, kaj Sándor JAKAB reprezentanto de LKK. Je la nomo de la Estraro de UEA salutis kaj inaŭguris la ekspozicion Baldur RAGNARSSON, vicprezidanto.

La ekspozicio funkcias en la salono de Bulgara Kultura Centro, str. Népköztársáság 14. Ĝia ampleksas 100 erojn pri la historio de la Esperantomovado en Bulgario kaj pli ol 60 erojn pri la Internacia E-Kursejo en Pisanica, grava internaciskala instru- kaj fericentro.

• • •

### Pola Kulturcentro

En la Pola Kulturcentro (Budapest, VI. Nagymező u. 15.) ekspozicias Etnografia Muzeo de Torun. Estas ekspoziciataj polaj popolaj papereltondaĵoj. Solena malfermo okazos la 2-an de aŭgusto je la 13.00 horo en la ekspoziciejo de la Pola Kultura Centro ĉe la supra adreso. La ekspozicion prezentos s-ino Teresa NEMERE, muzeologo el Torun.

• • •

### Bildekspozicio

Bildekspozicio de Lajos SZABÓ estas malfermita ĝis la 14-a de aŭgusto inter 10-19 horoj ĉiutage en la Kulturcentro de la uzino MOM (Budapest, XII., Csörsz u. 18.).

• • •

### Grupo UJLAKI

La 2-an de aŭgusto en Grupo UJLAKI (Budapest, II., Zsigmond tér 8. 1-a etaĝo) okazos kunveno kun varia programo. Ni volonte bonvenigas en- kaj eksterlandajn gastojn. Nia kunveno komenciĝos je 17.00 kaj finiĝos 19.30.

• • •

### SFS CIFEROJ – INFORMOJ PRI MIL AFEROJ

La ĉefurba turisma informejo uzos Esperanton dum la kongresa semajno, aldone al la hungara, angla, germana, franca kaj rusa lingvoj. Kaptu la okazon bone informiĝi pri la alloĝaĵoj de Budapeŝto!

Deĵorhoroj: labortage 7.00–21.00, sabate 7.00–20.00, dimanĉe 8.00–13.00. Stratadreso: Petőfi Sándor u. 17–19. Telefono: 179–800

Kongresa
BUDAPEŜTA INFORMILO
68-a UK · BUDAPEŜTO · KONGRESA ELDONO
KVARA NUMERO
1983-08-04

# NOVA ESTRARO DE UEA

La Komitato de UEA elektis novan Estraron. Ĝi havas naŭ membrojn.

Prezidanto: MAERTENS Grégoire
Vicprezidantoj: TONKIN Humphrey kaj UMEDA Yosimi
Ĝenerala sekretario: SZABÓ-FELSŐ Flóra

Alfabeta listo de la estraranoj kaj iliaj taskoj:

CORSETTI Renato: landa agado, planado.
DESPINEY Barbara: junularo; parto de la eksteraj rilatoj.
LINDBLOM Roland: kongresoj.
MAERTENS Grégoire: financoj kaj administrado.
RAGNARSSON Baldur: kulturo kaj edukado.
TODOROV Petar: faka agado.
TONKIN Humphrey: parto de la eksteraj rilatoj.
UMEDA Yosimi: informado.

La tuton kunordigas SZABÓ-FELSŐ Flóra, kiel ĝenerala sekretario.

# ĈU REKORDO ANKAŬ KULTURKAMPE?

**(Daŭrigo pri teatraj programoj)**

### La kastelo de Princo Blubarbulo

Plurai literaturaj, muzikaj kai teatraj variantoj vivas pri Blubarbulo disde en Eŭropo, inter tiuj krom opero de Offenbach la plej konata estas tiu de Bartók. Sukceso de tiu ĉi opero jam preskaŭ forgesigis la originalon: la misterecan ludon de Béla Balázs, publikigitan en la jaro 1910.

La teatra trupo de „Garabonciás Studió" el urbo Kecskemét ekde ĝia fondiĝo flegas la naciajn tradiciojn kaj provas revivigi tiujn: la puran beletron ili feliĉe alojas kun folkloraj elementoj. Ankaŭ „Blubarbulo"-n ili jam prezentis kaj hungare kaj en Esperanto.

La dramon tradukis Márton Fejes, reĝisoras arta gvidanto de „G" Studio: s-ro János Beregszászi. Ĉefrolos: Csilla Gudricza.

Dum la kongreso ni povos ĝui ankaŭ alian prezentadon de la talenta amatora trupo.

### LETEROJ
(Literatura-muzika programo)

Verŝajne ne estas homo, kiu en sia tuta vivo ne skribis leteron, leteron al sia patrino, leteron al sia amikino, al sia kara parenco... La leteroj ligas la esperantistojn al la tuta mondo. „Leteroj" nomiĝas la spektaklo de la eminenta hungara aktorino Ildikó PÉCSI. La spektaklo okazos la 5-an de aŭgusto je la 19.00 horo, en la kulturcentro „Pataky István". La sepdekminuta literatura-muzika programo konsistas el popularaj kantoj, belaj poemoj, interesaj prozeroj. La tradukojn faris la konataj hungaraj tradukistoj I.Szabó, V.Benczik, P.A. Rados kaj J.Horváth. La spektaklo ravas per sia intima atmosfero, sincereco kaj gajeco. La Esperanto-publiko havos la feliĉon konatiĝi kun unu el la plej talentaj nuntempaj hungaraj aktorinoj. Ildikó PÉCSI ne nur rolas esperantlingve, sed ŝi estas emocie ligita al Esperanto. Tion ĉi pruvas ŝia aktiva partopreno en pluraj Esperanto-spektaklo. Sendube la spektaklo de Ildikó PÉCSI estos unu el la plej allogaj programeroj de la Kongresa kultura programo.

M. FEJES kaj G. MIHALKOV

### STUDIO „P" EL TORUN (PL)

Junulara teatra grupo esprimas sur scenejo siajn pensojn kaj opiniojn ligante al teatraĵoj ankaŭ spektantojn, invitante ĉiujn al komuna diskuto pri la problemoj de homa vivo-rajto kaj devo.

Por la 68-a UK Studio „P" preparis la spektaklon

### „KIU AJN NOMON VI HAVAS"

rakontanta pri mezepoka heroino Joanna d'Arc kaj samtempe pri eterna problemo pri libereco de ĉiu individua persono-problemo tiom aktuala en la nuntempa mondo.

STUDIO „P" prezentiĝis per aliaj esperantlingvaj teatraĵoj dufoje dum Tutlanda Trarigardo de Esperantista Artagado de Pollando vekante grandan interesiĝon. Iliaj prezentiĝoj en la pola lingvo jam kelkfoje estis premiitaj per la unuaj premioj en landa skalo. La grupo estas gvidata de reĝisorino Lucyna SOVINSKA, multfoje premiita pro sia laboro.

Teresa NEMERE

### ESPERANTAJ SALUTVORTOJ

Unu el la 20 diplomatoj, kiuj ĉeestis la Inaŭguron de la 68-a UK salutis la Kongreson senpere en Esperanto. Ni ekscius, ke tio ne estis nur afabla, ĝentila gesto fare de Fattah EZZ EL DIN, la unua sekretario de la Ambasadejo de Egiptio en Hungario, kiu ellernis la Internacian Lingvon kaj fariĝis esperantisto en Budapeŝto.

### EVA–KUNSIDO

Esperanta Verkista Asocio kunsidis marde matene inter la 9a kaj 12a horoj en la salono Wüster. La kunvenon ĉeestis ĉirkaŭ 40 membroj. La ĉeestantoj elektis provizoran gvidantaron, kies prezidanto fariĝis Tibor SEKELJ (Jugoslavio), sekretario Rejna de JONG (Nederlando). Membroj de la gvidantaro estas: Bernard GOLDEN, Aldo DE GIORGI, George LAGRANGE, Miyamoto MASAO, Charles POWER, Reto ROSSETTI kaj Éva TÓFALVI.

* *

### SEMINARIO DE LITERATURA FOIRO

Marde antaŭtagmeze en la Biblioteko Gorkij okazis seminario de Literatura Foiro kun la partopreno de 50 legantoj de la populara revuo. Estis anoncite, ke la premion „VERKO DE LA JARO 1982" gajnis la novelaro „Lappar, la antikristo" de Endre TÓTH eldonita de Hungara Esperanto-Asocio. La libro aĉeteblas en la kongresa libroservo.

D-ro Giorgio SILFER analizis la Inferon de Dante (en traduko de Kálmán Kalocsay). S-ino Perla MARTINELLI ĉefred. de Literatura Foiro prezentis la agadon de redakcianoj kaj ilian laboron.

* *

### ĈEFKONVENO de IPTEA

La 1-an de aŭgusto je la 16-a horo en la salono Kabe okazis la ĉefkunveno de IPTEA, kiun gvidis COLNEY, Roger (Francio). Dum la kunsido prezidanto Dragusko Petrov (Bulgario) prelegis pri „La kongresa temo", poste vicprezidantino Erika Bardócz (Hungario) prelegis pri „La Hungara Poŝta Servo kaj Esperanto-movado en la Poŝto". En la vico de prelegoj sekvis „Malnovaj kaj novaj telekomunikiloj" de Veikko Mäki-Luopa.. Ĉe la fino la delegitoj de la landaj asocioj rakontis pri la agado de siaj sekcioj, kaj unuopuloj salutis la ĉefkunvenon. La interesan kunvenon partoprenis 40 homoj.

# SUKCESPLENA JARKUNVENO DE ILEF

La 1-an de aŭgusto, je la 17.30h en salono „Baghy" la Internacia Ligo de Esperantistaj Foto-Kino – Magnetofon – Amatoroj (ILEF) okazigis sian regulan jarkunvenon.

Laŭ la difinita tagordo la prezidanto de la ligo Donĉo ĤITROV raportis pri ties aktivado dum la pasinta organiza jaro. Li substrekis, ke la organiza kaj la krea aktivado de la organizaĵo ĉiam pli kaj pli stabiliĝas – speciale post la elekto de la nuna estraro dum la jarkunveno en Antverpeno pasintjare. La fakto, ke en ĝi estas prezentitaj fakuloj el diversaj partoj de la mondo, multe kontribuas al la sukcesa plimultiĝo de la anaro kaj de ties aktivado en la tri sekcioj de la ligo – Foto, Kino, Magnetofono. Nun la ligo nombras pli ol 200 membrojn el diversaj landoj.

Estis vigle pridiskutitaj la du gravaj projektoj de la Estraro – la kreo de longmetra kolora dokumenta 16 mm filmo pri la 100-jariĝo de Esperanto kaj la organizado de Internacia Esperanta Filmoteko ĉe la Internacia Muzeo de Esperanto en Vieno. La du projektoj, aprobitaj afable fare de la Estraro de UEA, postulas multan tempon, fortojn kaj sindonemon de ĉiuj membroj de ILEF, sed ili estas pretaj dediĉi sin al la efektivigo de tiuj noblaj taskoj. Ĉar la projektoj estas ligitaj kun grandaj monrimedoj, la ILEF-anoj akre starigis la demandon pri ties certigo kaj ili mem donis kelkajn favorajn kaj utilajn kunsilojn por la solvo de tiu problemo.

La kunvenon ĉeestis ankaŭ la vicprezidanto de TEĴA (Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio) Ivan KEREMIDĈIEV-ESPEROV, kiu parolis pri la rezultodona aktivado kaj kunlaborado de ILEF kaj TEĴA, kiuj okazigis unuiĝon dum komuna kunsido en Antverpeno pasintjare. Tiu unuiĝo estas senprecedenca en la vivo de niaj internaciaj E-organizaĵoj kaj estas imitinda ekzemplo por ceteraj similaj organizaĵoj. Des pli, ke TEĴA disponigas gazetaran tribunon al ILEF sur la paĝoj de sia organo „Internacia Ĵurnalisto".

Dum la kongresaj tagoj ILEF aranĝis Internacian Fotoekspozicion-konkurson en unu el la haloj de la Kongresejo je temo „Folklora Arto-ponto inter la popoloj". Premioj estis disdonitaj.

Je la sama temo estis okazigitaj ankaŭ kino- kaj magnetofon-konkursoj internaciaj. La unua premio por filmo estis aljuĝita al s-ro Kaoru ASAOKA el Japanio por lia kolora dokumenta filmo „Vilaĝa festo" en la nomo de s-ro Jozé F.ARROYO el Madrida Esperanto-Liceo, Hispanio, estrarano de ILEF pri Kino kaj Foto por Okcidenta Eŭropo kaj por Norda kaj Suda Ameriko. La premion por kolekto de diapozitivoj estis aljuĝita al s-ro Petko ARNAUDOV – Bulgario.

Anoncis: Donĉo ĤITROV

* *

### PACMOVADO PRI LA ESPERANTISTA

La asembleo de MEM – enkadre de 68-a UK – okazinta la 2-an de aŭgusto 1983 en Budapeŝto kore salutas la 30 jaran jubileon de MEM kaj deziras al tiu nobla movado ankaŭ estonte sukcesplenan agadon por la paco.

La partoprenantoj de asembleo emfazis: bedaŭrinde danĝera mondsituacio ekzistas en la mondo, estas minacata la paco, pro tio estas necese konkrete kunlabori ankaŭ kun ĉiuj esperantistoj – sendepende de iliaj politikaj kaj religiaj opinioj – des pli, ĉar la komunumo donas bonŝancon por la internacia kunagado, por interfratiĝo kaj pere de ili por la paco.

La asembleo alte taksante la pozitivan neŭtralecon de UEA pri porpacaj agadoj rekomendas iniciati eĉ fari intensan kunlaboron inter UEA kaj MEM kaj ankaŭ per tiu faro plilarĝigi la komunajn porpacajn celotaĵojn.

# KONGRESA KURIERO

1983-08-04

4a numero

**LA BANKEDO HAVAS LOKON POR VI!**

Ankoraŭ eblas mendi lokon en tiu unika kongresa evento. Do kaptu la okazon ĝui tre interesan menuon – ankaŭ vegetara ekzistas – kaj ĉarman muzikon, en agrabla etoso. Pri la interesa prezo, kaj pri ĉiuj aliaj detaloj, informas la giĉeto „bankedo" (ĉe la ĉefa enirejo). Tie vi ankaŭ povas aĉeti vian bileton. Bonan apetiton!

## PROGRAMŜANĜOJ

### KLARIGOJ

• Programŝanĝo, kiun ni jam anoncis en antaŭa numero de la Kongresa Kuriero.

### MERKREDO 03 AŬG.

• 20.00–23.00 **T. Sekelj: „Verkistoj kaj legantoj"** (nova programero) okazos en salono *Grabowski.*

### ĴAŬDO 04 AŬG.

• 09.00–10.30 **BEL**: La kunsido okazos ne en salono Korach, sed en salono *Kossa.*

• 09.00–11.00 **Kongresa Temo** (laŭbezonaj laborkunsidoj) en salono Baghy: Ŝanĝo de horo. La kunsido *ne* okazos je 14.00–17.00.

• 17.00–19.30 **Terminologia sekcio de SEC** (nova programero) okazos en salono *Baghy.*

• 18.00 **Oficiala akcepto** (nur por invititoj) okazos en la *Parlamentejo.*

### VENDREDO 05 AŬG.

• 09.00–10.00 **IKU 7** (prelego de Eichhorn) okazos ne en salono Kalocsay, sed en salono *Privat.*

• 09.00–10.00 **Teja (ĵurnalistoj)** (nova programero) okazos en salono *Szathmári*

• 11.30–12.30 **IKU 8** (prelego de Mészáros) okazos ne en salono Kalocsay, sed en salono *Hodler.*

• **14.00–15.00 Fondkunveno de Filozofia Asocio Tutmonda** (nova programero) okazos en salono *Lengyel.* Prizorgas: E. Pauli

• **15.00–16.00 La Infana Kongreseto sin prezentas** (nova programero) okazos en salono *Hodler.*

*

## NE NUR POR KOMPUTISTOJ

Post la sukcesa lanĉado en la UK de la nove gazeto *Internacia Komputisto*, oni konstatas ankaŭ ĉi tie grandan interesigon, ne nur inter komputistoj. Multaj homoj trarigardas la provnumeron, kaj petas informojn pri abonado, ĉe la giĉeto de Scienca Eldoncentro de UEA.

*

## NOVAJ ALIĜOJ

4723 BAKSZA PAL, Vácrátót, 2163, Szabadság u. 21., Hungario
4724 FÜLEKI Helene, Surány 9. Tavasz u. 9., Hungario
4725 KOHARI István, 1139 Budapest, Thälmann u. 31., Hungario
4726 ÖKRÖS László, 1142 Budapest, Rákospatak park 7., Hungario
4727 SELYEM Gyöngyi, 8000 Székesfehérvár, József A. 21. Hungario
4728 BARASEVICH Antal, 8073 Csákberény, Hösök tere 24/2., Hungario
4729 TÖRZSÖK Gyöngyvér, 8100 Várpalota, Tési u. 6., Hungario
4730 GRUND John, 12 Farrington ave, Bay Shore N.Y. 11706, Usono
4731 TORMA Livia, 2225 Üllö, Gyömrői u. 56, Hungario

. . .

Daŭrigo en la 3-a numero de „Kongresa kuriero"

4796 KÀROLY Róza, 3529 Miskolc, Sályi u. 14, Hungario
4797 LIĈEVA Radka Todorova, 5350 Trjavna, str. G. Dimitrov 107 Bulgario
4798 SNEL Henry B., Vianenstraat 142, 1106 DE-Amsterdam ZO, Nederlando
4799 TRAVASSOS Maria Vitoria Rodrigues, Son-216, Bloco E. ap 202-Brazilia, Brazilio
4800 DIMITROVA Steliana Jankova, Sofia 1619, st. Prehlodo 26, Bulgario
4801 BORMANN Thomas, Koppel 94, D-2000 Hamburg 1, FR Germanio
4802 MADARAS József, 1133 Budapest, Rajk L. 102.II.7., Hungario
4803 TRNKA Anna, A 1020 Wien, Kürzbauerg 3/8, Aŭstrio
4804 TRNKA Gerhard, A 1020 Wien, Kürzbauerg 3/8, Aŭstrio
4805 vanc-l VANĈUROVÁ Marie, CS-289 03 Mestec Kralove, Palackého 153, Ĉeĥoslovakio
4806 FINTA Csaba, str. JNA 2., YU-25000 Sombor, Jugoslavio
4807 ÖLLÖS Beáta, Opatovksy Sokolce 334, 930 28 Okoĉ, Ĉeĥoslovakio
4808 SEGURU Valentin, 153040, Ivanovo-40, pk. 123, Sovetio
4809 DUDÁS Ildikó, 1122 Budapest, Ráth Gy. 19.fszt.4., Hungario
4810 MRKVICA Zdenek, Sosnová 15, 63700 Brno, Ĉeĥoslovakio
4811 FEHÉR András, 5440 Kunszentmárton, Wesselényi u. 24., Hungario
4812 PINTÉR József, 1026 Budapest, Volkmann 2.fszt.2., Hungario
4813 ABAI Ágnes, 7754 Bóly, Arany János 12. Hungario
4814 ENDER Ulrich, La Dominitienne B2, 335 Avenue du Triolet, F 34060 Montpellier, Francio
4815 BOZSÓ Imre, 1183 Budapest, Kárpát u. 23, Hungario
4816 PUTTMANN Ursula, Gürresvr. 36 D-8000 München 40, FRG
4817 DE JANG Tibbe, Vevlengde Hereweg 23, 9721 AC Groningen, Nederlando
4818 BROSCHE Ulrike, DDR-7981 Rückersdorf, GDR
4819 GONĈAROVA Irina, SU 143002 Odincovo-2, a.k. 7., Sovetunio
4820 NÉMETH József, 9738 Tömörd, Ady u. 6., Hungario
4821 ZOMBORI Orsolya, 4024 Debrecen, Becskereki 18.I.8., Hungario
4822 KELMENDI Lutfi, Rr. Tavnik 17/11, 38220 Mitrovicë e Titos, Kosovo, Jugoslavio
4823 PUSCH Thomas, AM Schwertberge 23, D-2845 Damme 1, (Wienerei) F.R.G.
4824 TERUEL Rodriguez Encarna T.L., Jostenallee 45, D-4040 Neuss 1, Germanio
4825 MINKO Conkovski,, ul. „Knjaz Boris 1" 140, 1000 Sofia, Bulgario
4826 SCHIFFER Günter, Hasenweg 2., 8011 Baldham, FRG
4827 CSÚRI Piroska, 6723 Szeged, Űrhajós 8/b., I.4., Hungario
4828 BERO Szilárd, 1111 Budapest, Hungario
4829 FREEMAN Bryonie J., O Prior Way, Colchester, Essex CO4 SDG, Anglio
4830 VOORSPOELS Karin, Geelhandlaan 2., 2540 Hove (Antw.), Belgio
4831 MÉSZÁROS Anikó, 1203 Budapest, Pázsitos u. 10. I. 6. Hungario
4832 MÉSZÁROS Balázs,, 1203 Budapest, Pázsitos u. 10. I.6. Hungario
4833 KOVAĈIC Neven, Gorice 67., 41000 Zagreb, Jugoslavio
4834 ĈOMAL Dandaŝ, Libano
4835 TAUTORAT Hermann, Falkstr. 25., Berlin, D-1000
4836 TAUTORAT Ina, Falkstr. 25., Berlin, D-1000
4837 KRATT Karl, 772 Villingen, FR Germanio
4838 KLANER Josef, Friedrich Engels platz 9, A 1200 Wien, Aŭstrio
4839 TURAI Gyula, 1151 Budapest, Benkö u. 71, Hungario
4840 DE BLOUDTS Vacques Georges Emile, 173 Rue Washington, Bruxelles 1050, Belguio
4841 BAUER Gabriella, 1062 Budapest, Lehel u. 5.fszt.10., Hungario
4842 KLEIN Edit, 2400 Dunaujváros, Ostrava tér 1.III.1. Hungario
4843 MENYHART Ernö, 8741 Zalaapáti, Petöfi 2. Hungario
4844 GIOMBI Carla, Via Vittorio Veneto N.16, Ancona, Italio
4845 DE FILIPPO Viola, Viale Malta 11 Firenze, Italio
4846 KOVACS Lajos, 4200 Hajdúszoboszló, Török u. 5., Hungario
4847 PAGLIARANI Romeo, Via Anita Garibaldi, 59 Cesena 46023, Italio
4848 FRANCO Grasso, Cireale (CT) Via Piemonte 13., Italio
4849 MAAS Heinz Dieter, Zweibrücker Str. 71., D-668 Neunkirchen, (FRG)
4850 RAWLINSON Antony Christopher John, 2AF Chesterton Road, Cambridge CBA 3AX, Britio
4851 SCHWARTZ Therese, 7750 Konstanz, Katzgasse 15, FRG
4852 SCHWARTZ Hans-Werner, Konstanz 7750, Katzgasse 15, FRG
4853 NÉMETH Piroska, 1132 Visegrádi u. 23. IV.1., Hungario
4854 GARGALLO Manuez Monforte, Str. Fdo el Catolico, 59-1. Valencia, Hispanio
4855 FONFRIA Concepcion Perez, Auda Perez Galdos N. 107-56 Valencia, Hispanio
4856 KEEFE Denis Edward, C. DR. Gomez Ferrer 13., 4. Valencia, Hispanio
4857 MLADENOV Bojĉo, Komplekso „Ljutibrodski" Bl.1., AP. 83., 3000 Vraca, Bulgario
4858 RESULOVIC Mustafa, Sarajevo, Soc. revolucije 3/VIII., Jugoslavio
4859 DIMITAR Stefanov, Bulgario
4860 NEDELĈEV Kiril, Bulgario
4861 KARAKAŜEVA Sofia, Bulgario
4862 NAJDEZEOVA Diana, Bulgario
4863 MILUŜEV Javor, Bulgario
4864 POPHRISTOV Damian, Bulgario
4865 VUĈKOV Peter, Bulgario
4866 KIŜKILOV Georgi, Bulgario
4867 STEFANOV Nikola, Bulgario
4868 JURUKOV Teo, Bulgario
4869 VASILEV Peter, Bulgario
4870 GANEV Valentin, Bulgario
4871 DOBRINOVIC Svetla, Bulgario
4872 DRAJEV Kiril, Bulgario
4873 GAJTANĜIEVA Rumjana, Bulgario
4874 ANASTASOV Nikola, Bulgario
4875 GONĈAROV Anatolo, p.k. 7., Odincovo-2., Mosk. obl. 143002, USSR
4876 BERCIS Talis, SU-226980 Latvio Riga-80, str. Kosmonautikas gatve II-50, Sovet-Unio
4877 CASINI Daniele, Via Orzali 18-A, I-55100, Italio

Kongresa numero de Budapesta Informilo. Redektis d-ro Árpád MÁTHÉ. La rubrikon „Kongresa Kuriero" redaktis Ingvar SCHOULTZ. Respondeca redaktoro: d-ro Vilmos BENCZIK. Respondeca eldonanto: Tibor VASKÓ. Enpaĝigis: Eszter KISS. Tajpis: Ferencné ZSIDI.
Kèszült a SZOT Nyomdájában. Eng.sz. III/TSZL/12/1980. Index 25159 HU ISSN 0133–0977.

## KUBA ESPERANTO ASOCIO ALIĜAS AL UEA

En mardo, la 2-an de aŭgusto, la Komitato de UEA akceptis la aliĝon de landa asocio: Kuba Esperanto-Asocio nun estas la 45-a landa asocio, aliĝinta al UEA.

*

## SCIENCISTOJ ATENTU!

En la kongreso partoprenas multaj sciencistoj-esperantistoj, kiuj ankoraŭ ne scias pri la Scienca Rubriko de Budapeŝta Informilo, kiu pretendas esti informilo de ĉiulandaj esperantistoj-sciencistoj. Mi alvokas la estimatajn kolegojn konatiĝi kun Scienca Rubriko kaj ĉe apero de intereso aboni „BI". Ĉio ĉi estas ebla en la Redaktejo de Kongresa Budapeŝta Informilo, ĉ. 318. (3a etaĝo per 8a lifto, ĵaŭde kaj vendrede de la 9a ĝis la 12a horo.

A. GONĈAROV (4875)

*

## TEJO SIN PREZENTAS

La 1-an de aŭgusto je la 10-a horo en la Salono Zamenhof okazis interesa kunveno. Dum la gvidado de JACKSON, Ian (prezidanto de TEJO) „TEJO sin prezentas" por preskaŭ 300 homoj, kiuj scivolis pri la agado, pri la nova estraro kaj la agadplano de TEJO. La prezentado montris, ke TEJO tre vigle agadas kaj sufiĉe plifortiĝis dum la lastaj jaroj. Ĝia multfaceta agado tamen ĝis nun ne estas sufiĉe konata por la ne TEJO-anoj.

*

## VANKUVERO ATENDAS VIN!

Verŝajne jam estas konata por vi, ke la 69-a Universala Kongreso de Esperanto okazos en Vankuvero (Kanado). Kiel ni ekscias el la Unua Bulteno de la 69-a UK de Esperanto (ricevebla ĉe la giĉeto), Vankuvero estas la plej granda urbo de la provinco Brita Kolumbio, estas vigla centro de negocado, industrio, transporto. La kongresejo por la 69-a UK apartenas al la Universitato de Brita Kolumbio. LKK de 69-a UK planas por la kongresanoj multajn kaj diversajn ekskursojn: per boato, aŭtobuso, funikularo, vaportrajno kaj piede.

Se vi deziras aliĝi aŭ iom ricevi plian informon, komuniku kun UK de Esperanto en Roterdamo aŭ kun LKK (p)a 53 North Boundary Vancouver B.C. Kanado. V5K 3S4.

La antaŭkongreso okazos de la 14-a ĝis la 20-a de julio 1984 en Montrealo. Aliĝilon, detalajn informojn petu de Esperanto Societo Kebekia (Z)d: Louise Labelle, 10617 Oscar, Montrealo, Kebekio, Kanado. H1H 5J8.

Kongresa
BUDAPEŜTA INFORMILO
68-a UK · BUDAPEŜTO · KONGRESA ELDONO
KVINA NUMERO 1983-08-05

Prelegoj kadre de

# TAGO DE LA LERNEJO

Jaŭde en salono **HODLER** okazis la sekvaj prelegoj kaj modellecionoj:
Baldur **RAGNARSSON (IS)**: Esperanto-instruado kiel kontribuo al **interkultura** informado
D-ro Istvan **SZERDAHELYI (H)**: Instruado de landkonoj en Esperanto. Yosimi **UMEDA (J)**: Instruado de Esperanto al internacia lernantaro en la San Franciska Statuniversitato en Usono.
Zsuzsa **BARCSAY (H)**: Informoj pri la 1-a Pedagogia Seminario de UEA, 1983-07-23/30 Gyula (H).
Modellecionoj de **Jozefo HORVATH (H)** kaj Francisko **SIMONNET (F)**. Barbara **POCHANKE (PL)**: Valoro de familia Esperanto-edukado al infanoj.
La publikan diskuton pri la kadrotemo kaj pri la modellecionoj gvidis Irena **SZANCER (PL)**.
Resumis la rezultojn kaj spertojn Baldur **RAGNARSSON**.

## INTERNACIA KONGRESA UNIVERSITATO

La 31-an de julio komencis sian laboron Internacia Kongresa Unviersitato. D-ro Ottó HASZPRA, rektoro de IKU dum la inaŭguro parolis pri la nuntempaj tendencoj pri la supergrade faka aplikado de Esperanto. Kiel legeblas en la Kongreslibro, la unuan prelegon faris d-ro Vilmos BENCZIK pri la Influoj de la Orient-Eŭropa kultura modelo al la evoluo de la Esperanta kulturo. La prelegon sekvis interesaj demandoj far la aŭskultantaro.

La sekvan tagon prelegis Helmar FRANK (FRG) pri interesoveka temo: Ĉu la inteligento estas mezurebla? Ĉu heredebla? La 3-a prelego de So GILSU (KR) temis pri la ekonomia penso de Konfuceo. Marde prelegis Rudi HAUGER (CH) pri la kreskigo de kristaloj kiel kemia kontribuo al gajno de energio el sunlumo. En la vico de la prelegoj sekvis Hans Joachim PLEHN (A) pri biografio de duona vortaro. La sesa prelego temis pri ekologia „futurologio": teorio kaj praktiko de Ĥristo MARINOV (BG). Pri la ĝis nun okazintaj prelegoj ni povas resume diri, ke ili estis atentovekaj, interesaj, la nombro de la ĉeestantoj preskaŭ ĉiam atingis aŭ eĉ superis la 100-on.

*

## KONGRESA TEMO

La 2-an de aŭgusto je la 9-a horo okazis interesaj prelegoj pri la kongresa temo: Sociaj kaj lingvaj aspektoj de moderna komunikado. En la vico sekvis la jenaj prelegoj: „La lingvaj aspektoj de la komunikado" de M. ISAJEV (SU); „Evoluigo de la tradiciaj kaj novaj metodoj de sciencteknika informado de Hungario ĉe Tutlanda Teknika Informada Centro kaj Biblioteko" de J. GALAMBOS (H); „Estonteco de lingvoj – la lingvo de estonteco" de L. DEME (H). „La rolo de ILo en la transpontigo de la lingvaj baroj de internacia komunikado" de H. FRANK (FRG). Apartan emfazon meritas tiu lasta, kiu proponis starigon de internacia postgrada universitato, kies antaŭstupo estos la Internacia Akademio de Sciencoj de San Marino inaŭgurota fine de 1983.

# FAKAJ KUNVENOJ

### IFEF

István GULYÁS gvidis interesan kunvenon de IFEF. La ĉeestantaj 90 homoj povis ĝui diaporaman projekciadon pri fervojaj temoj, fakprelegon pri la evoluo de la hungara fervojo kaj aŭskultis raportojn pri la 35-a kaj 36-a IFEF-kongresoj. Fine de la kunveno multaj esprimis siajn kontentojn pri la prelegoj kaj prezentado.

### UMEA

En la ĉeesto de ĉirkaŭ 135 personoj d-ro Imre FERENCZY gvidis la kunvenon de UMEA. Ĝi aŭskultis jarraporton kaj raporton pri la 4-a Internacia Medicina Esperanto-Konferenco okazinta en urbo Poprad. La plej grava decido de la kunveno estis pri la preparo de fondo de veterinara kaj farmaciista sekcioj en kadro de UMEA. Dank' al la organizantoj la kunveno daŭrigis posttagmeze: ĉ. 60 medicinistoj vizitis al la Ŝtata Infansanatorio de SZABADSÁGHEGY, kie la ĉefdirektoro akceptis la gastojn.

### KELI

KELI havis sian kunvenon la 1-an de aŭgusto en la salono Wüster je la 17-a horo. La salono pleniĝis ĝis la lasta seĝo, kaj la programo komenciĝis per ĥorkantado. A. BURKHARDT raportis pri la KELI-Kongreso 1983 okazinta en Esztergom, ili priparolis la eblecon de nova eldono de la Biblio.

### IKUE

La 1-an je la 14-a horo okazis kunveno de IKUE en la salono Privat. La kunvenon gvidis L. KÖBÖR (Hungario). Ili priparolis la venontan Ekumenan Kongreson okazontan en Hamburgo 1984, diskutis pri la karitata laboro por helpi al blinduloj, lepruloj. En aŭgusto de tiu ĉi jaro okazos la IKUE-Kongreso en Rimini.

### EGLI

30 homoj partoprenis la kunsidon de Esperantista Go-Ligo Internacia (1983-08-01; 9.00, Kabe). Temis pri la amendo de la statuto, pri ludoj kaj instruaj prelegoj al komencantoj, krome pri financaj aferoj.

### SEC-KUNVENO

Scienca Eldona Centro (SEC) estas dinamike evoluanta organizo de UEA. Ties unua kunveno en kadroj de la kongreso okazis la 1-an de aŭgusto en la salono Wüster je la 11-a horo. La kunvenon malfermis profesoro Ottó HASZPRA (H), kiu skizis la priparolendajn demandojn en la spirito de Bad-Saarova konkludaro kaj iom revuis la lastatempajn atingojn uzi Esperanton en la scienco kaj tekniko. Dudeko da personoj faris proponojn plibonigi la laboron de SEC. Kelkaj el la interesaj alparoloj: reprezentanto de Kubo anoncis fondon de scienc-teknika sekcio ĉe Kuba Esperanto-Asocio; oni ekscius pri baldaŭa apero de universitata lernolibro pri matematiko en Hispanio. Ĉiuj alparolantoj emfazis, ke la eldonado kaj sukcesa vendado de fakaj libroj en Esperanto havas grandan signifon por la plua disvastigo de Esperanto. Estis senteble, ke du horoj ne sufiĉis por ebligi al ĉiuj dezirantoj alparoli.

### UALE

Universala Artista Ligo de Esperantistoj (UALE) aliĝis al UEA en la pasinta jaro. Dimanĉe posttagmeze partoprenis la kunsidon 15 anoj de la Ligo. Apud la Libroservo – kiel vi ĉiuj spertis – prezentas siajn verkojn reprezentatoj de 8 landoj. La kunsidantoj konsentis pri kreskigo de faka, artista aktiveco pere de diversaj internaciaj porverkigaj tendaroj, en kiuj oni celu ankaŭ praktiki la Internacian Lingvon. Ili aprobis la planon ĉiukongrese aranĝi ekspozicion, aperigi fakan informilon (la unuan n-ron aperigos s-ino Almada en Brazilo).

### FILOZOFIA ASOCIO TUTMONDA

Vendrede, la 5-an de aŭgusto okazos kunveno de nova faka asocio Filozofia Asocio Tutmonda (FAT).
Prof. E.P. el Florianopolis (Brazilio), iniciatinto de FAT parolos pri la temo „Filozofia Verkado en Esperanto".

# La Hungarlanda historio de Esperanto

4-a parto

La turisma propagando forte utiligas Esperanton ankaŭ en eldonaĵoj. Oni enprogramigis en la Budapeŝta Printempa Festivalo la **INTERNACIAN RENKONTIĜON DE ESPERANTO-TEATROJ** – jam dufoje kun granda sukceso, kiun gustumos la kongresanoj de la 68a. La delonge akirita prestiĝo de E-verkistoj (t.a. ĉe Asocio de Verkistoj) igis la ministerion kaj la Nacian Bibliotekon deklari „ŝtate protektata" la E-bibliotekon kaj kolektaĵon de Károly FAJSZI. Ties 5 mil volumojn, 4 mil jarkolektojn ktp. la eksperto trovis unika kaj plene sistemigita.

En kadro de biblioteko de urbo SZEGED ekzistas la grava HUNGARLANDA ESPERANTA BIBLIOTEKO kaj MUZEO, konservanta multajn dokumentojn de nia movado. Esperanto-stratoj kaj placoj, ankaŭ memortabuloj multloke troviĝas en Hungarlando naskiĝlokoj kaj iamaj loĝejoj de elstaraj esperantistoj estas tiel honorataj.

La vasta Hungarlanda movado (HEA havas 6 mil membrojn) bezonas kompreneble legaĵojn. Lernolibrojn, vortarojn eldonas ŝtataj eldonejoj (eĉ legolibrojn), sed HEA mem devas zorgi pri „klasikaj" verkoj kaj ĝia tasko estas eldoni fakajn verkojn. La konscie organizata FAKA AGADO interne de la hungara E-movado esperplene plivastiĝas – kunlabore kun SCIENCA ELDONA CENTRO (SEC), Budapeŝta filio de UEA. La ampleksa konferenco INTERKOMPUTO kaj la ripetiĝantaj STUDENTAJ AŬTUNAJ FORUMOJ – krom alispecaj laŭfakaj simpozionoj – pli kaj pli profundigas en diversaj fakaj medioj la nepran bezonon kaj solvon de la Internacia Lingvo. Estas tre grava movada principo, ke tiu agado disradiu kaj HAVU EFIKON ANKAŬ INTERNACIE!

Ervin FENYVESI

*

## INTERNACIA KUNORDIGA KOMITATO

**La Internacia Kunordiga Komitato de la Jubilea Jaro decidis denove kunsidi vendredon, inter 16.00 – 18.00 en salono Tárkony. La kunsido estas nepublika.**

*

# DELEGITA RETO

Esperanto-movado povas fieri per sia vasta delegita reto, ĉar neniu alia internacia movado sukcesis starigi similan servon. La 2-an de aŭgusto je la 14.00 horo en la salono Kalocsay okazis kunveno de la delegitoj de UEA. La kunvenon prezidis s-ino Ursula GRATTAPAGLIA. En la enkondukaj vortoj s-ino Grattapaglia substrekis la grandan signifon de la delegita reto por nia movado, sed ŝi emfazis ankaŭ, ke la delegita reto ne estas laŭ la dinamiko de nia tempo. En la diskuto partoprenis multaj delegitoj, kiuj faris gravajn proponojn kaj donis utilajn ideojn pri la funkcio de la delegita reto. Tre interesa estis la parolo de prof.STØP-BOWITZ, kiu mem estis estrarano pri la delegita reto. Prof. Støp-Bowitz donis valorajn konsilojn kaj li rememorigis la ĉeestantojn pri iuj malnovaj principoj de UEA, rilate la elektadon de la delegitoj. Prof Støp-Bowitz substrekis, ke la delegitoj devas pli bone organizi sian laboron; la delegitoj ne devas mem plenumi ĉiujn petojn, sed ili devas doni la petojn al aliaj esperantistoj, kiuj same bone povas plenumi ilin.

Kelkaj partoprenantoj esprimas la opinion, ke revuo „Esperanto", aŭ iuj aliaj Esperanto-revuoj devas aperigi artikolojn pri la devoj de la esperantistoj kaj la delegitoj, ĉar evidentiĝas, ke ne ĉiuj esperantistoj konas siajn devojn, kiam ili petas helpon de la delegitoj.

Multaj partoprenantoj starigis konkretajn demandojn al kiuj demandoj detale kaj klare respondis S. MacGILL, la nuna direktoro de la CO.

Post la komuna kunveno okazis kunveno nur kun la ĉefdelegitoj el diversaj landoj. Malgraŭ ke la kunvenon de la delegitoj ĉeestis ĉirkaŭ cent personoj, ĝi estis sukcesa, kaj espereble post tiu ĉi kongreso la laboro de la delegitoj estos pli vasta kaj pli dinamika.

# KONGRESA KURIERO

1983 08 05

5a numero


### LA BANKEDO HAVAS LOKON POR VI!

Ankoraŭ eblas mendi lokon en tiu unika kongresa evento. Do kaptu la okazon ĝui tre interesan menuon – ankaŭ vegetara ekzistas – kaj ĉarman muzikon, en agrabla etoso. Pri la interesa prezo, kaj pri ĉiuj aliaj detaloj, informas la giĉeto „bankedo" (ĉe la ĉefa enirejo). Tie vi ankaŭ povas aĉeti vian bileton. Bonan apetiton!

### PROGRAMŜANĜOJ

**KLARIGOJ**

• Programŝanĝo, kiun ni jam anoncis en antaŭa numero de la Kongresa Kuriero.

**VENDREDO 05 AŬG.**

• 09.00–10.00 IKU 7 (prelego de Eichhorn) okazos ne en salono Kalocsay, sed en salono *Privat*.

• 09.00–10.00 **Teja (ĵurnalistoj)** (nova programero) okazos en salono *Szathmári*.

• 11.30–12.30 IKU 8 (prelego de Mészáros) okazos ne en salono Kalocsay, sed en salono *Hodler*.

• 14.00–15.00 **Fondkunveno de Filozofia Asocio Tutmonda** (nova programero) okazos en salono *Lengyel*. Prizorgas: E. Pauli

• 15.00–16.00 **La Infana Kongreseto sin prezentas** (nova programero) okazos en salono *Hodler*.

* *

### LA KOMISIONOJ FERVORE LABORAS

La 1-an kaj 2-an de aŭgusto fervore komencis labori la diversaj komisionoj de UEA. La unua en la vico estis la komisiono pri informado, sub la gvidado de Ursula GRATTAPAGLIA. La ĉeestantaj 13 personoj diskutis pri la konsisto de la komisiono, pri informmetodo en landaj organizaĵoj ktp.

Humphrey TONKIN prezidis la kunvenon de la komisiono pri eksteraj rilatoj, la 2-an de aŭg. en la salono Szathmári. La ĉefa celo de la kunveno estis diskuti pri la programo de UEA pri eksteraj rilatoj. Ili traktis diversajn temojn, kiel ekzemple: Jubilea Jaro, Internacia Jaro de la Paco 1986 ktp.

Y. UMEDA (Japanio) kaj lia komitato pri kongresaj rezolucioj jam komencis la laboron pri kongresaj rezolucioj.

Je la 14-a horo kunsidis la komisiono pri statutoj sub la gvidado de SZABÓ-FELSŐ Flóra. Ili traktis gravajn demandojn, kiel ekzemple: Ĉu la statutoj de la landaj asocioj estas en ordo? Ĉu la statuto de UEA estas ŝanĝinda en certa paragrafo? La partoprenantoj (ĉirkaŭ 40 homoj) diskutis eĉ pri la tasko de sia komisiono.

—

### ĜENERALA KUNSIDO DE UEA

La 1-an je la 14-a horo okazis la unua ĝenerala kunsido de UEA. Gregoire MAERTENS prezidanto de UEA raportis pri la laboro de la Estraro. La komitatanoj voĉdonis pri la raporto.

—

### PARLAMENTA AGADO

En la salono Kalocsay la 1-an de aŭgusto montriĝis granda intereso pri la parlamenta agado en diversaj landoj.

—

### INTERNACIA JUNULARA JARO

La 2-an de aŭgusto en la salono Korach la komisiono pri la junulara jaro informis la ĉeestantojn pri la planoj de la Internacia Junulara Jaro. Oni konstatis ŝanĝiĝon de interesoj inter la junularo, tamen kun ĝojo oni emfazis, ke Esperanto-junularo pli aktivas ol aliaj.

* *

### NOVAJ ALIĜOJ

La plej novajn aliĝojn ni aperigos en nia 6-a n-ro. La nomo de s-ino DARGOVA Saeko Mutoo (4775) aperis erare en nia 3-a n-ro. Ni petas pardonon.


Kongresa numero de Budapeŝta Informilo. Redaktis: d-ro Árpád MÁTHÉ. La rubrikon „Kongresa Kuriero" redaktis Ingvar SCHOULTZ. Respondeca redaktoro d-ro Vilmos BENCZIK. Respondeca eldonanto: Tibor VASKÓ. Enpaĝigo: Eszter KISS. Tajpas: Ferencné ZSIDI kaj Ildikó MESZÁROS.
Készült a SZOT Nyomdájában. Engsz. III/TSZL/12/1980. Index 25150 HU ISSN 0133–0977


## KONGRESEJAJ KULTURAJ VESPEROJ

Dimanĉe vespere je la 20-a horo en la salono Zamenhof okazis Hungara Vespero. Ĝia unua ero la poemo „Ĉe Danubo" de Attila JÓZSEF en la plenumo de Kálmán SZABÓ. La poemo efike reliefigis por la spektantaro la esencon de la hungara perceptmaniero pri la historio. En la unua parto de la programo alternis kantoj kaj deklamaĵoj: Kati BEREK (H) kun granda sukceso prezentis novelon de Frigyes KARINTHY, s-ino DEHLER (GDR) ridigis la publikon per novelo de R. SCHWARTZ. Grandan sukceson rikoltis la pupa prezentado de Gyöngyi BLASEK. En la dua parto amuzis la publikon la popoldanca trupo „Bem".

Lunde vespere okazis rendevuo de korusoj el kvar landoj: Pollando, Bulgario, Sovetio kaj Hungario. Prezidanto de la ĵurio estis la elstara hungara komponisto András BÁGYA. La publiko kaj la ĵurio akceptis kun granda plaĉo la prezentadon tiom, ke ne estis eble difini kiu gajnis la konkurson, tial ĉiuj teamoj ricevis donacon de LKK. Ni supozas, ke la vera gajninto de la konkurso estis la grandnombra aŭskultantaro. Internacia Arta Vespero – kiel kutime – estis la plej longa aranĝo de la kongreso: laŭ longeco ĝin superis eble nur la komitatkunsidoj. Ĝi okazis laŭprograme inter 20-22 horoj marde vespere, sed en realeco la lasta artisto forlasis la podion kvin minutojn antaŭ noktomezo. Multaj esprimis miron pri la publiko el kiuj ĉirkaŭ milo eltenis ĝis la fino. La programo, kiel ordinare, estis varia – komprenebla ankaŭ laŭ la nivelo.

Jen specimene kelkaj prezentiĝoj, kiuj rikoltis apartan plaĉon: Veselin DAMJANOV (BG), ensemblo el Litovio, folklora ensemblo el Pollando, Alberta CHASEY (USA). La programon lerte kaj sprite gvidis Spomenka ŠTIMEC el Jugoslavio, kiu por tiu ĉi vespero ricevis iom fantazian perukon.

M.F.

*

### KVIZO PRI HUNGARIO

Facilanime forlasinte la halon, per la preteksto de Interkona Vespero dancis la kongresanoj – preskaŭ 150 kongresanoj per kvizo pruvis, ke ili fervore interkonatiĝis jam antaŭe ankaŭ pri la aktuala kongreslando Hungario.

Jozefo HORVATH, kiu je la sama, sabata tago instruis la lernemulojn pri la ĉefaj scindaĵoj en la kurso nomita „Hungara ekskrese", sanĝiĝis je rutina ludmajstro kaj donis sennombrajn demandojn al la ludemaj homoj. Montriĝis, ke pri la deveno de la hungara popolo, pri ĝiaj historiaj epokoj, pri la populara somerumejo Balatono, pri la hungara kuirarto eĉ pri la Esperanto-movado de la lando ĉiam troviĝas kompetentaj kaj premiendaj kunludantoj.

Plej sukcese konkursis en la amuziĝa kaj samtempe informa kvizo Maurice SUJET, emerita direktoro de duagrada lernejo en Francio.

Erzsébet JENOVÁRI

*

### TEATRA RAPORTO

Kelkaj titoloj jam estas forstrekeblaj el kultura programo, ja lunde kaj marde okazis entute ses prezentadoj en Teatrejo – Kulturcentro Pataky.

Ĉu la tro frua posttagmeza komenco, ĉu la tro varma vetero, ĉu ceteraj kialoj, aŭ simple indiferenteco de pli vastaj amasoj kaŭzis, ke la unuajn du prezentadojn – tiujn de Hungara Esperanto Teatro – apenaŭ spektis cent personoj?

Kvankam ambaŭ teatraĵoj jam estis prezentitaj pli frue, sed tiam la spektantoj estis ĉefe hungaraj esperantistoj...

Kálmán SZABÓ en rolo de Krapp ludis eminente, same geaktoroj de la teatraĵo „Spoon-river". Sed ĉu ni rajtas atendi, ke geaktoroj Kati BEREK, Emil KERES, Ildikó PÉCSI kaj aliaj renomaj kunlaborantoj venu al ni denove por amuzi okdekon da esperantistoj?

Tamen, je vespero la salono preskaŭ pleniĝis: pli ol kvarcent spektantoj scivolis pri prezentado de TESPA, kiu kontentigis la pretendojn. S-ro Michel AUDIBERT, f-inoj Sylvie BONNET kaj Sylviane BOURRELLY ludis eminente. S-ino Francois LO JACOMO pro sia kurta rolo ne povis disvolvi sian talenton.

La ĝisnuna pli granda teatra sukceso nepre apartenas al s-ino Jadwiga GIBCZYŃSKA, kiu denove prezentis sian monodramon „Zamenhof" – en la lastaj du jaroj pluĉizitan, plupoluritan. Mirinde ŝi ludis kaj en la rolo de maljuna Rozalia, en tiu de juna kaj rave bela Klara kaj en tiu de Lidia. Ŝia transformiĝo kaj por okuloj, kaj por animoj estis sugeste impona. La ĉirkaŭ 200-nombra publiko ekstaranta, per longdaŭra aplaŭdo dankis la grandan travivaĵon, revokante la aktorinon eĉ trifoje antaŭ la kurtenon.

Vicordo de la prezentadoj ne estis favora por „Garabonciások" Studio, ĉar ili devis roli post la sukceso de Gibczyńska. Eble ilia prezentado ne tute kontentigis la publikon. „Blubarbulo" – pro kies hungarlingva prezentado „Garabonciások" gajnis eĉ du premiojn festivalajn, kaj pro pli fruaj Esperantlingvaj ili jam ĝuis ankaŭ nian fidon.

Du februturmentitaj knabinoj inter rolantoj, laciĝo pro aŭtostopa veturo el province ankaŭ kaŭzis, ke en tiu ĉi prezentado ili restis sub la kutima nivelo.

Tamen ni fidas je ili, ja per vendreda prezentado de „Ni vivos" ili havas provebIon.

– Pri „Epifanio" vidu en sekvonta n-ro.

*

Márton FEJES

### KOREKTOJ PRI TESPA

Pri la prezentado de TESPA aperis kelkaj malĝustaj informoj en la Kongresa Kuriero 2:

1. Kvankam Georges Lagrange tradukis la plejparton de nia repertuaro, la teatraĵon Sen Eliro de Jean–Paul Sartre tradukis antaŭ pluraj jaroj akademiano Roger Bernard. Georges Lagrange reĝisoris kaj estris la teknikon.

2. La repertuaro de TESPA estas ege varia kaj jam ni prezentis malpli gravajn verkojn (de Tristan Bernard, John Maddison Morton, Roméo Carlès, ktp...) kaj eĉ klaŭnaĵojn, kun ĉefa celo amuzi ĉiutagan publikon en pli lokaj renkontiĝoj. Sed ni havas sufiĉan respekton al la partoprenantoj de Universalaj Kongresoj por proponi al ili valorajn verkojn el la franca kulturo.

3. La Krizalido elektis ne aliajn tavolojn de spektantoj (kvankam ili ludas ankaŭ francJingve kaj do ne celas precize la saman publikon), sed alian laborrnanieron: interalie, ties aktoroj ne volas havi alian profesion, kaj povas akcepti tutmonatajn turneojn. Tion TESPA ne povus plenumi, sed ni regule akceptas diversajn invitojn, proksimume ĉiumonate, kun varia repertuaro.

François LO JACOMO

*

### EKSPOZICIO PRI AGADO EDE ODO BUJWID

Vladimir OPOKA farmaciisto, asistanto de la Medicina Akademio en Krakovo aranĝis kaj prezentis tre valoran ekspozicion per serio de dokumentkopiaĵoj, kies originalaĵoj troviĝas en la krakovia Muzeo „Odo Bujvid". Li estis eminenta sciencisto kaj bonega esperantisto, kiu studis kun Zamenhof kaj agadis dum longaj jaroj kune. La kolektaĵo restos donace ĉe la hungara medicina sekcio.

*

La 1-an de aŭgusto je la 14-a horo okazis la jara ĉefkunveno de INOE sub la gvidado de Welger, H. (FRG). La diskuton pri la estinta kaj estonta laboro sekvis elekto de nova estraro.

